14-a jaro. — N-ro 12 (166) DECEMBRO 1928.




Fondita en 1908.

OFICIALA ORGANO DE LA BELGA LIGO ESPERANTISTA

Aliĝinta al la Unuiĝo de la Belga Perioda Gazetaro

Fondintoj : L. CHAMPY, Fr. SCHOOFS, Am. VAN DER BIEST-ANDELHOF, J. VAN LAERE, Oscar VAN SCHOOR.

Direktoro :
FRANS SCHOOFS, Kleine Hondstraat, 11
ANTVERPENO

Por la anoncoj oni sin turnu al :
H. PETIAU, St. Lievenslaan, 60, GENTO.

JARA ABONPREZO : Fr. 20,—
EKSTERLANDO : Belgoj 5.—

ANTVERPENO
1928

14a JARO N-ro 12 (166) DECEMBRO 1928.

# BELGA ESPERANTISTO

## MONATA REVUO

*Oficiala organo de la Belga Ligo Esperantista*

Redakcia parto :
FRANS SCHOOFS
11, Kleine Hondstraat, Antwerpen
Telefono 543.74

Abonoj kaj Monsendoj :
FERN. MATHIEUX
94, Avenue Bel-Air, Uccle
Poŝtĉeko No 39984

**Konstantaj kunlaborantoj** : M. JAUMOTTE, L. COGEN, W. DE SCHUTTER, S-ino L. FAES
H. PETIAU, F-ino R. SPIRA, F-ino J. VAN BOCKEL, J. VAN SCHOOR, H. VERMUYTEN.

*Nepresitajn manuskriptojn oni ne resendas. — La Redakcio konservas por si la rajton korekti laŭbezone la manuskriptojn.*

## AL NIAJ ABONANTOJ

Ni petas senkulpigon de niaj abonantoj pro la malfrua eliro de tiu lasta numero de la jarkolekto 1928. La specialaj teknikaj aranĝoj pro la kongresdokumentoj estis parto de la kaŭzo, alia parto estas trovebla en la kompreneble pligranda laboro plenumita dum la kongresjaro de la gvidantoj de la movado en Belgujo.

Kompenson ili certe trovos en la pligranda paĝonombro de tiu jarkolekto.

Ĉio estas nun farita por ke la perdo de tempo estos baldaŭ regajnita en la jaro 1929.

Ni petas ĉiujn niajn abonantojn, ke ili baldaŭ repagu sian kotizon por la nova jaro: al sia grupa kasisto aŭ al la kasisto de Belga Ligo Esperantista, S-ro F. Mathieux, poŝtĉeko 399.84, Uccle-Bruselo.

## 20a UNIVERSALA KONGRESO DE ESPERANTO

### PAROLADO DE S-ro OSCAR VAN SCHOOR EN URBODOMO.

Altestimata Sinjoro Urbestro,
Sinjoroj Skabenoj kaj urbkonsilantoj,

Estas la dua fojo, ke anoj de internacia Esperanto-kongreso estas solene akceptataj en tiu ĉi urbdomo, de la Antverpena Urbestraro. Dum la jaro 1911, okazis en nia urbo la 7-a Internacia Mondkongreso de Esperanto kaj nia ĉiam bedaŭrata kaj neforgesebla majstro, D-ro Ludoviko Lazaro Zamenhof, la kreinto de la Helplingvo tutmonda, kune kun la delegitoj de la diversaj naciaj societoj estis akceptataj oficiale de la Antverpena Urbestraro.

Hodiaŭ estas la anoj de la XX-a Kongreso, kiuj ĝuas la gastadon en la Antverpena urbo kaj ĝojas kaj honoriĝas, esti bonvenigataj de la Antverpena Magistrataro, kaj samtempe deziras prezenti sian plej koran

dankon por la diversaj atestoj de bonvolemo, de la Antverpena Urbestraro al tiu kongreso montritaj.

La Monda helplingvo Esperanto estis ensendita en la mondon dum la jaro 1887 de sia elpensinto, nia kara Majstro S-ro L. L. Zamenhof.

Sed en Belgujo nia helplingvo enradikiĝis sin nur en la jaro 1902, dum la tie ĉi okazinta Ekspozicio de Geografio. En nia urbo estis starigita la unua grava belga grupo en 1903, en Antverpeno, kie Esperanto belege floris kaj kie kelkajn jarojn poste sin eklevis la nuntempe tiel floranta grupo « La Verda Stelo », la movado ekradiis al la diversaj urboj kaj centroj de Belgujo. Ankaŭ en nia urbo estis starigita la Belga Ligo kaj la Belga revuo « Belga Esperantisto ».

La milito venis kaj kun ĝi ĝia sekvantaro de malbonaĵoj. La baroj per tiuj cirkonstancoj, ĉiuflanke metitaj sur la vojo de internacia vojaĝado kaj korespondado, kaj la ĉiam alkreskanta pligrandigo de vivkaj vojaĝkostoj estas la kaŭzoj, ke nia movado, same kiel multnombraj aliaj movadoj, dum kelkaj jaroj iomete malvigliĝis. Sed nuntempe, kiam iom post iom la cirkonstancoj de la internacia vivo pli kaj pli normaliĝas, Esperanto reprenis sian gloran antaŭiradon kaj la samideanoj povas ĝoji pri vere realigita sukceso. La ĉiam grandiganta plimultiĝo de la interkomunikiloj kaj cirkonstancoj, kiuj influis la internacian vivon ege favoris nian movadon. Potencaj kaj influriĉaj organismoj, kiel la « Institut de France », la « Royal Society» la Scienca Instituto de Italujo, sekcioj de la Ligo de Nacioj, komercĉambroj kaj jarfoiroj de diversaj landoj donis al ni altvalorajn markojn de estimo kaj interkonsento kaj estas kun konvinko, kun nelacigebla entuziasmo kaj nedetruebla espero, ke ni daŭrigas la pacan bataladon kontraŭ indiferenteco kaj rutino. Iam tamen, kiel nia kara Majstro kantis :

« Ni paŝo post paŝo, post longa laboro
« Atingos la celon en gloro. »

Altestimata Sinjoro Urbestro,
Sinjoroj Skabenoj kaj urbkonsilantoj,

La Antverpena Organiza Komitato de la XX-a Esperanto-Kongreso havas la honoron prezenti al vi la precipajn reprezentantojn de la Internacia Esperanto-movado. Pli ol 1500 Esperantistoj apartenantaj al 40 landoj kaj nacioj estas tie ĉi kunvenintaj kaj alportas al la Skeldurbo kaj al ĝia Magistrataro sian plej bonan saluton kaj sian plej koran dankon pro la afablega gastado al ili prezentata.

Tie ĉi kunvenos la « Internacia Centra Komitato » konsistanta el delegitoj de la Nacia Societo de ĉiu lando kaj kiujn ni nomas la « Konstanta Reprezentantaro »; membroj de la Lingva Komitato », same kun la anoj de la « Esperantista Akademio », kiuj sin okupas pri la lingvaj demandoj; reprezentantoj de la Esperantistaj Fakaj Societoj, de la internaciaj ligoj kaj de la faka gazetaro.

Ankaŭ la praktika flanko de la Esperanta movado estas tie ĉi reprezentata: la estraranoj de U.E.A., la potenca tutmonda Asocio, kiu havas radikojn tra la tuta tero, kalkulas delegitojn kaj korespondantojn

en ĉiuj urboj kaj centroj de la mondo, kaj kiu faras netroestimeblajn servojn al siaj anoj pere de la monda helplingvo.

De kvar jaroj, en ĉiu Esperanta mondkongreso, ni havas kunsidon de la Somera Universitato, dum kiu en kelkaj lecionoj kaj konferencoj, pere de Esperanto, oni pritraktas unu aŭ alian temon. Tiun ĉi jaro, por la kvara kunsido de la Somera Universitato, dek universitatdiplomitoj anoncis sin el diversaj landoj por pritrakti la diversajn flankojn de la temo elektita, pere de nia internacia lingvo.

La tri antaŭaj kunsidoj de la Somera Universitato bonege sukcesis. Ankaŭ de la nuna kunsidon, kun ĝia temo tiel grava por nia komercmetropolo, ni atendas bonegajn rezultatojn.

Altestimata Sinjoro Urbestro,

Sinjoroj Skabeno kaj urbkonsilantoj,

Ĉiuj tie ĉi ĉeestantaj aŭ reprezentataj esperantistoj esprimas al Vi, sian plej koran dankon pro la honoro al ili farita per la akcepto en la Urbdomego kaj tutspeciale la Antverpena Organiza Komitato de la XX-a tutmonda Kongreso Vin dankas pro la morala kaj efektiva subteno al ili donita dum la preparado de la nuna kongreso.

Ke Esperanto, tie ĉi en Antverpeno, kaj en Belgujo pli kaj pli floradu; ke ĝi kunhelpu la plifaciligon de la internacia interkomunikadoj kaj interrilatoj ĉiuspecaj kaj ke ĝi tiamaniere kunhelpu en nia lando kaj en nia komercmetropolo, unu el la ĉefaj centroj de la mondkomerco kaj mondaktiveco.

Al la kreskado kaj florado de nia karega Skeldurbo kaj samtempe al la plifortikigo de la internacia interrilatado, la internacia interkompreno kaj la mondpaco, la finfina morala idealo de la Esperantistoj, tio estas la plej kora deziro de la ĉi tie kunvenintaj Esperantistoj.

Kun koro kaj animo, ni ekkrias al vi: Vivu Belgujo, Vivu Antverpeno, Vivu Mondpaco, Vivu Esperanto!...

---

# 4a SOMERA UNIVERSATO

**PROGRAMO de la SOMERA UNIVERSITATO EN ESPERANTO.**

**Antverpeno 1928.**

**Generala temo : La Maro kaj la Navigacio.**

**SCIENCA SEKCIO :**

Sro. Dro Everardo Backhäuser, Universitata Profesoro, Membro de la Brazila Scienca Akademio, Rio de Janeiro :

**«La Maro kaj la civilizacio en tropikaj landoj» (kun lumbildoj)**

Sro. Pac-juĝisto L. Cogen, Ninove (Belg.) :

**«Kalendara reformo en intereso de l'interkontinenta navigacio»**

S-ro Prof. René Mesny, Direktoro de la Nacia Laboratorio de Radio-elektro, Parizo :

**«Aplikado de Radio en la Navigacio».**

Sro. M. Rollet de l'Isle, Eks-ĉefinĝeniero-hidrografo de l'franca maristaro, Parizo :

**«La Hidrografio».**

Sro. Oscar Vna Schoor, farmaciisto, Antverpeno :

**«La vivo de l'maro»**

## TEKNIKA SEKCIO :

Sro. Majoro Luigi Gagnotto, inĝeniero de l'Reĝa Marista Korpuso. La Spezia :

**«La rapideco de l'ŝipoj»**

Sro. Le Brun, Direktoro de la Kompanio «French-Line» (Compagnie Transatlantique Ltd.), London :

**«La Komerca navigacio tra la jarcentoj».**

## JURA SEKCIO :

Sro. Advokato kaj Notario Ernst Aron, Königsberg i/Pr.:

**«Juro pri protekto de l'homa vivo sur la maro»**

Sro. Marcel Roost, advokato, Antverpeno :

**«La riskoj en martransporto»**

Sro. Chas. G. Tarelli de l'Internacia laboroficejo (Ligo de Nacioj), Ĝenevo :

**«La agado de la Internacia Labor-oficejo por la maristoj»**

---

## PAROLADO DE Sro. M. ROOST ĈE LA MALFERMO DE LA SOMERA UNIVERSITATO.

Estimataj Sinjorinoj kaj Sinjoroj
Karaj Samideanoj,

Mi estas feliĉa, ke mi povas la unua alparoli vin en tiu kongreso, kaj mi tutkore deziras al vi bonvenon en ĝi.

Dum la venontaj tagoj vi pasigos ĉi-tie multajn horojn kaj mi esperas, ke vi tre ĝuos ilin.

La Organiza Komitato laŭ siaj plej bonaj fortoj klopodis agrabligi vian restadon en nia urbo espereble ĝia laboro ne estos tute vana Ŝajnas, ke vi tamen povus malĝuste interpreti niajn intencojn, kaj suspekti nin pro iom da tedigemo.

Vi apenaŭ alvenis, la Kongreso jam ne estas malfermita, kaj tuj ni venas kaj diras al vi : Sidiĝu sur la lernejajn benkojn, estu saĝa kaj bone aŭskultu.

Sed kvietiĝu, ni ne estos tre postulemaj al la lernantoj.

Kaj, vere mirinda fakto, vi venis, kaj venis multope !

Tiu ĉi fakto donas bonan perspektivon al nia entreprenado.

Ĉu la Esperantistaro estas tiel obeema, aŭ ĉu la klarigo ne estus, ke oni facile venas al lernejo, la junaj ĉar ili jam ne perdis la kutimon, kaj la pliaĝaj, ĉar ili ŝatas senti sin ree pli junaj je kelkaj aŭ eĉ multaj jaroj.

La fondinto de la unua Somera Universitato verŝajne ne pensis pri tiu aspekto sed eĉ se la Universitato ne havus alian bonan econ, ĝi tamen estus laŭdinda afero.

Cetere tiu multnombra aŭdantaro malfermas mirindan perspektivon por nia entreprenado.

Sed kian mirindan aspekton havas tiu salono hodiaŭ.

La tre malnova kaj respektinda societo Cercle Royal Artistique organizis tie-ĉi multegajn kaj plej diversajn festojn ; neniam certe okazis en ĝia salono tiel eksterordinara kunsido, kiel la hodiaŭa.

Neniam verŝajne estis tie personoj de tiom da diversaj landoj, kiuj aŭskultos prelegojn en lingvo same bone komprenebla de ĉiuj.

Sed pripensante oni devas konfesi, ke la tuta Esp. Kongreso estas rimarkinda ; tie, oni ne pritraktas kiel kutime nur unu aŭ kelkajn temojn. Tiu-ĉi estas vere UNIVERSALA Kongreso, ne nur ĉar tutmonda sed ankaŭ pro ĝia amplekso. Ni okupos nin ne nur pri la lingvo : en la laborkunsidoj estos pritraktataj kelkaj gravaj demandoj, ĉiu en sia faka kunsido priparolos siajn ĉiutagajn interesojn, sian ĉiutagan laboron, kaj vespere ni havos amuzaĵojn Tie-ĉi vi trovos Esperantlingve veran bildon de la tuta mondo kun sia laboro kaj siaj ĝojoj.

Sed en la ĉiutaga vivo oni ne nur bezonas homojn, kiuj komercas kaj praktikas profesie, ankaŭ teoriuloj estas necesaj, kiuj pristudas la sciencojn kaj antaŭenigas ilin per siaj penoj.

Same en la Esperanto-movado ne sufiĉas fakaj kunsidoj, kie estas pridiskutataj profesiaĵoj, sed oni bezonas uzi la lingvon por sciencaj serĉoj, pliriĉigi ĝin per la vortoj necesaj laŭ la teknikaj progresoj.

Do por ke la kongreso estu kompleta, oni devas aldoni al ĝi la Someran Universitaton kie la teoria parto de la Esperantistaro havas okazon aŭdigi sian voĉon.

Tio estas la celo de niaj prelegoj, kaj mi ĝojas konstatante, laŭ via nombro, kiom bonege vi komprenis ilian gravecon por la movado.

Sufiĉus eble, ke kelkaj prelegontoj parolu pri iuj diversaj temoj, la pruvo de la taŭgeco de Esperanto estus ja farita.

Sed estas dezirinde fari pli. Oni aranĝis, ke ĉiuj prelegoj havu rilaton al iu temo ĝenerala ; tiamaniere oni do ne nur montras la taŭgecon de la lingvo, sed plue pruvas ke ĝia disvastigo jam nun permesas trovi sufiĉajn personojn por fari prelegojn rilatajn inter si.

Kiu do estos tiu ĝenerala temo ?

Ĝia elekto ĉi-tiun jaron ne postulis longan pripensadon. Ni estas en gravega havenurbo.

Antverpeno certe estas famkonata pro aliaj kaŭzoj, ĝi tamen antaŭ ĉio estas haveno. Oni konas ĝin pro ĝiaj industrioj aŭ pro la rolo kiun ĝi havis laŭ arta vidpunkto per la grandaj homoj kiujn ĝi naskis.

Ĉie oni vidas tie ĉi memoraĵojn de glora pasinteco : ĉie oni rimarkas la nunan laboremecon kaj prosperecon.

Sed tiuj riĉaĵoj neniam ekzistus, tiuj artaĵoj neniam estiĝus, se pro ĝia favora lokiĝo, la komercistoj kaj maristoj ne estus elektintaj Antverpenon, kiel havenon ; Antverpeno. estus nenio se la tuta mondo ne sendus tien-ĉi siajn produktojn kiuj estas resendataj al ĉiuj landoj kaj ĉiuj urboj ; tiu urbo estas por la mondo kiel koro ; ricevinta la sangon de ĉiuj partoj, ĝi redonas ĝin pli bonan, kaj pli efikan ol ĝi alfluis al ĝi.

Antverpeno antaŭ ĉio do estas haveno; ĉio, kion ĝi posedas, venis al ĝi per la maro.

Estas tute nature, ke ni neniam hezitis pri la temo; ĝi nur pova esti rilata al la bazo de la Antverpena vivo mem : Ni vere ne elektis ; la titolo altrudis sin al ni : «La Maro kaj la Navigacio».

Ni turnis nin al la Esperantistoj fakuloj kaj sukcesis kunmeti programon, kiu kompreneble ne elĉerpas la vastan temon, sed tamen donas sufiĉe bonan bildon de ĝi.

Ni aŭdos S-ron Van Schoor, farmaciiston, la prezidanton de la L.K.K. kiu parolos pri «**La Vivo de la Maro**» kaj rakontos al ni pri malgrandegaj vivaĵoj en la maro.

Sro Rollet de l'Isle, malfeliĉe malhelpata ĉeesti la kongreson, estos anstataŭata de Sro. Mesny en la parolado pri «**La Hidrografio**».

Tiuj prelegoj temas pri la maro mem, pri ĝia fiziko kaj enkondukos nin en sekretojn nekonitajn de la plimulto.

En alia ideo-sekvo ni havos detalojn pri la uzo kiun la homo faras de la maro : **la Navigacio tra la jarcentoj** estos rakontata al ni de Sro

Le Brun el Londono kaj la plej modernaj progresoj en tiu fako estos la temoj de du prelegoj : **La rapideco de la ŝipoj de Sro Gagnoto** el La Spezia kaj **la aplikado de Radio en la Navigacio** de Sro Mesny el Parizo.

La serĉoj de novaj progresoj estos pritraktataj de Sro Cogen Ninove : **«La Kalendara reformo en intereso de la interkontinenta navigacio.»**

Sed la navigacio, kiu estas ilo de l' progreso, malfeliĉe ankaŭ postulas multajn oferojn : homajn kaj materiajn, Pri tiuj problemoj temas la prelego de Sro Aron, el Koenigsberg, kiu parolos pri : **«La juro pri protekto de l'homa vivo sur la maro»** kaj mi mem parolos pri la **«Riskoj en martransporto de komercaĵoj»**.

Estas inde, ke mi ankaŭ pripensu la sorton de tiuj kuraĝaj viroj, kiuj dediĉas sin al la hazarda kaj severa vivo sur la akvo : oni nun multe pristudas ilian situacion en ĉiuj landoj, kaj precipe ĉe la Internacia Laboroficejo de la Ligo de Nacioj. Sro Tarelli raportos pri la **«Agado de la Internacia Labor-Oficejo por la Maristoj»**.

Finfine estas ankaŭ la landoj, al kiu la ŝipoj veturas, la landoj de l'suno kaj de la misterplenj arbaroj, sed ankaŭ de la fruktodonaj kampoj. Sro Backhäuser elektis kiel titolon de sia prelego : **«La maro kaj la civilizacio en tropikaj landoj.»**

Malfeliĉe kelkaj prelegontoj estis malhelpataj kaj ne povos veni.

Sro Aron ne povas foriri de sia urbo pro grava malsaniĝo de sia edzino kaj S-ron Backhäuser trafis la granda doloro perdi sian edzinon dum la ĵus pasintaj tagoj.

Mi tre bedaŭras la foreston de tiuj bonaj samideanoj kaj precipe mi malĝojas pri la kaŭzo de ilia malhelpo.

Sed la restantaj prelegoj estos sufiĉaj, mi fidas, por bone klarigi al vi la gravecon de la navigacio por la mondo kaj la ampleksecon de la demandoj rilataj al ĝi.

Vi, kiuj venas eble de enlanda urbo, pli bone komprenos la tutmondan signifon de haveno, kiel Antverpeno, la laboristoj kiujn vi vidas tie-ĉi ktp. Precipe ĝojiga fakto, estas ke tiuj internaciaj demandoj estos konigataj al vi en internacia lingvo.

Ni vidis la praktikan flankon de nia prelegaro; ni ankaŭ ne povos preterlasi atenti pri la lingva karaktero.

La S. U. pruvas per si mem la aplikeblecon kaj la utilon de la internacia helplingvo kaj mi imagas en plena konvinko ke iun tagon Somera Universitato ne plu estos unu akcesoraĵo de U. K. de Esperanto, sed tiam en multaj landoj kaj urboj studentoj kaj lernemuloj scivolemaj kaj progresemaj kunvenos por aŭskulti prelegojn en nia komuna lingvo, ĉar Esperanto estas nekontesteble granda kulturfaktoro, helpilo nepre necesa en la neniam haltanta evoluo.

Modesta komenco estas farita. Atingi finan idealan celon estu nia klopodo.

Ni estu en tio gvidataj de konvinko profunda, de entuziasmo saĝa kaj de spirito praktika kaj ni utile laboros por la bono de nia afero kaj de la tuta homaro.

En tiu senco mi deklaras la S. U malfermita.

---

## LA JURO PRI PROTEKTO DE LA HOMA VIVO SUR MARO.

(Advokato & Notario Ernst Aron, Königsberg, i. Pr.)

En la komenco de la homa kulturo oni prave diris: la maro disigas la popolojn. Ĉar pro la malgranda evoluo de la navigacio la maroj estis malhelpaĵo por la rilatoj de la nacioj inter si. La kultura vivo de la antikva tempo okazis ĉefe ĉirkaŭ la Mediteraneo, kaj la ŝipvetu-

rado iris preskaŭ nur laŭlonge de la marbordo. Transirado de la maro aŭ veturado trans la kolo de Gibraltaro estis risko kuraĝega.

Kun la progresoj de la tekniko, kun la eltrovaĵoj kaj malkovraĵoj tio ŝanĝiĝis. La ektrovo de la marvojo al Hindujo, la trovado de Ameriko kaj la eltrovo de la vaporŝipo efikis, ke oni nun devas diri : la maro **unuigas** la popolojn.

Sed per tio ekestiĝis la bezono de juraj normoj, per kiuj estis reguligataj ĉiuj rilatoj navigaciaj. Al tio apartenas precipe la protekto de l'homa vivo sur maro. La evoluo efikis per si mem, ke la leĝaj normoj de la diversaj kulturnacioj sur tiu-ĉi kampo fariĝas ĉiam pli similaj unu al la alia. Kaj ankaŭ la direktaj konvencioj internaciaj kreskas ĉiam je amplekso kaj je graveco.

Nur de post la Titanic-katastrofo la klopodoj por protekto de l'homa vivo sur maro estas kunigitaj al propra grupo. Sed jam longe antaŭ ol la unuopaj ŝtatoj sin estis okupintaj pri la leĝa normigo de tiu-ĉi materio, kaj de la mezo de la deknaŭa jarcento ekformiĝis internaciaj normoj. Konsiderindaj estis la reguloj pri navigacio kaj ŝipkonstruado, la enkonduko de la senfadena telegrafio, la lumigado de la ŝipireblaj linioj, la servo meteorologia kaj la plibonigado de la markartoj. Precipe oni ankaŭ devas mencii la progresojn de la mezurado marborda kaj de profundeco.

La kontrolo de la ŝipmaterialo okazis en Germanujo sub la inspekto de la mara asekura kooperativo, kiu laŭ karaktero social-politika estas destinita, por protekti la ŝipanaron kontraŭ akcidentoj de laboristoj. La mar-oficejoj esploras ĉiujn ŝipakcidentojn gravajn kaj rajtas postuli klarigojn kaj puni la kapitanojn kaj oficirojn.

Internacie unuecigita estas precipe la juro pri mar-vojoj: la tion koncernantaj leĝoj de la plej gravaj ŝtatoj estas lauvorte konformaj. Plue ekzistas internacia signalaro, kiu estiĝis el la rilata angla signalaro.

En jaro 1909 en Bruselo 2 internaciaj konvencioj estis farataj. La unua koncernas la kolizion de du ŝipoj kaj ligas la kapitanojn implikitajn, helpi la alian ŝipon. La dua konvencio pritraktas la helpadon kaj savon en mara danĝero. Ankau la helpa salajro por savaj servoj estas normita internacie. Tion kompletigas la normoj naciaj pri la sursabliĝo kaj pri la helpado de al la marbordo.

Antau la milito la granda ŝipo Titanic dum sia unua vojaĝo en nebulo koliziis kun glacia monto kaj algrundiĝis en plej mallonga tempo ; 1700 personoj mortis. Pro tio internacia konferenco estis kunvokata al Londono, kaj tie la konvencio de la 20. januaro 1914 estis farata. Tiu-ĉi gravega «Titanic-kontrakto» ne plu povis esti efektivigata (ratifata), ĉar dume la milito komencis. Sed nun ĝi estas jam enkondukata de multaj ŝtatoj, kaj nuntempe oni intertraktas ankau kun Germanujo pri la enkondukado.

Lo normoj de tiu-ĉi kontrakto validas por ĉiuj vapor-kaj motorŝipoj kun pli ol 12 pasaĝeroj. Ili sin okupas precipe ankau je la detruado de ŝipruinoj migrantaj, je la observado de la glacia situacio kaj je la serĉado de glacio migranta. Ĉiu kapitano estas ligita, tuj raporti glacion kaj ŝipruinojn de li trovitajn, se eble per senfadena telegrafo. Ĉiu ŝipo, kiu ricevas tian raporton, devas dum la malheleco veturi malrapide au aliigi la kurson. Entute la ŝipoj en la norda Atlantiko devas veturi laueble la kutiman kurson.

Plue estas preskribitaj lau la grandeco de la ŝipo fakvandoj netralasaj akvon kaj radio-instalaĵoj. Ankau la helpado per ĉiuj aliaj ŝipoj veturantaj en certa ĉirkauaĵo estas normita, same kiel la nombro kaj kvalito de la saviloj.

Projektita estas la evoluo de la normoj internaciaj koncernantaj la signalajn aferojn, la militajn ŝipojn, la submarboatojn ktp.

La progresoj de la juro internacia sur tiu-ĉi kampo nature estas

nur malrapidaj. Sed aliflanke la evoluo al normigado internacia estas nehaltigebla, laŭ la tuta naturo de tiuj-ĉi rilatoj.

La protekto de l'homa vivo sur maro estas afero de la tuta homaro.

## LA KALENDARA REFORMO EN INTERESO DE L'INTERKONTINENTA NAVIGACIO

**(Pacjuĝisto L. Cogen, Ninove.)**

La reformo de l'kalendaro estus utila ne nur por la interkontinenta navigacio, do por la maristoj, transmaraj vojaĝantoj kaj komercistoj sed ĝenerale por ĉiuj personoj. — La motivoj validantaj por ĉi-tiuj lastaj validas do ankaŭ por la unuaj kaj la prelego prezentos konsekvence la tutan demandon pri la reformo de l'kalendaro.

Fontoj por la prelego estis tri verkoj : 1. La réforme du Calendrier de Sro Armand Baar : 2. La question du Calendrier de abato Chauve-Bertrand : 3. la Raporto de la speciala Stud-komitato de la Ligo de l'Nacioj.

La demando estas dividebla en du partojn : 1 pratempe la celo de la homoj estis, alkonformigi la kalendaron al la ĝusta daŭro de l'jaro. La antikvaj popoloj konis unue lunajn kalendarojn kun monatoj de 29 kaj 30 tagoj ; ĉi-tiuj havis nur 354 tagojn kaj interŝovis la sezonojn. Oni korektis ilin elpensante lunajn-sunajn kalendarojn, per aldono de specialaj tagoj, eĉ de 13a monato la nura luna kalendaro, por atingi daŭron de 365 tagoj. Poste la astronomoj montris, ke ĝusta jaro enhavas 365 tagojn, 5 horojn kaj frakcion, tiel oni alvenis al nur sunaj kalendaroj la Julia kaj la Gregoria. La preleganto klarigis la reformojn de Julio Cezaro (Julia Kalendaro) kaj de papo Gregorio la XIIIa (Gregoria kalendaro). Ili ne estas la solaj, ekzistas ankaŭ turka, araba, hebrea, japana kaj ĥina kalendaroj Sed la Gregoria emas fariĝi universala.

2. Tiu kalendaro mem estas interne plibonigebla kaj la atingo de tiu lasta perfektigo estas la celo de la nuna «Movado» por la reformo de l'kalendaro. Ĉi-tiu movado ĉefe komenciĝis per la konkurso por perfektigita kalendaro, organizita de la Pariza revuo «L'Astronomie» en 1884, kaj daŭrigis en multaj kongresoj. La speciala kalendara Kongreso de Lieĝo en 1914 fiksis la kondiĉojn de taŭga kalendaro. En gazetoj, k. c. ĝis hodiaŭ oni diskutas pri ĝi. La demando estas esplorita de speciala komitato de komisiono konsiliĝa kaj teknika de l'interkomuniko kaj transito (Ligo de la Nacioj), kiu, post enketo detale raportis pri ĝi (Aŭgusto 1926).

La preleganto montris la difektojn de Gregoria Kalendaro kaj iliajn malbonajn sekvojn.

La projektoj estas dividEblaj en kvar kategoriojn : 1. tiuj kiuj dividas la jaron en 13 monatojn de 28 tagoj (4 semajnoj) aŭ en egalvalorajn dividojn : 2. tiuj kiuj konservas la nunan konsiston de l'monatoj : 3. tiuj kiuj konsistas el monatoj de 31, 30, 30 tagoj aŭ, de 30, 30, 31 tagoj ; 4. aliaj iafoje fantaziaj proponoj.

En multaj projektoj oni konsideras jaron de 364 tagoj. t. e. 52 semajnoj, plus unu aŭ du supertagoj : tiamaniere oni fiksas la semajnojn en la jaro kaj akiras ĉiam kalendaron neŝanĝotan. La movigeblaj festoj (Pasko, k. c.) estas ankaŭ fiksitaj en la jaro. (La preleganto analizis kelkajn el la projektoj.)

## LA RAPIDECO DE LA ŜIPOJ

**(Inĝeniero majoro Luigi Gagnotto, La Spezia).**

La rapideco de la ŝipoj estas mezurata per la nombro de maraj mejloj po 1852 metroj, kiujn la ŝipo laŭveturas dum unu horo kaj ĝi estas esprimata en knotoj pohoraj, kio egalvaloras.

# RED STAR LINE

REGULAJ SERVOJ POR PASAĜEROJ KAJ SARĜOJ

INTER

## ANTVERPENO - NEW YORK
## ANTVERPENO - KANADO



v/s "BELGENLAND" 27.200 tunojn.

trans **SOUTHAMPTON**

kaj **CHERBOURG**

Krozadoj en la

Mediteranea Maro,

al la Antiloj kaj

ĈIRKAŬ LA MONDO

KUIREJO

SERVADO

KOMFORTO

Por ĉiuj informoj oni sin turnu al la

RED STAR LINE

**22, rue des Peignes, ANTVERPENO**

**Telegramoj : " STAR "**

Por mezuri la rapidon oni uzas specialajn instrumentojn ĝenerale nomatajn «logoj», kiam tamen oni postulas rezultojn precizajn oni laŭiras bazojn mezuritajn, bone difinitajn, en proksimeco de bordoj.

Utilas ke la ŝipoj estu rapidaj ĉu por komerco ĉu, kaj multe pli, por milito. La maksimumoj atingitaj en ĉi-tiuj kampoj estas proksimume 23 knotojn por pasaĝerŝipoj kaj preter 40 knotoj por la esplorŝipoj por milito.

Ĉiu ŝipo havas eblecon tre difinitan pri rapido, necesas do, kiam oni projektas ĝin, bone pripensadi la rezultojn celatajn por la celo krei organisman tuton, havantan maŝinon kapablan donadi la laboron necesan por venki la laboron de l'rezisteco, korespondanta al la antaŭviditaj rapidoj.

La maniero laŭ kiu varius la rezistecoj dum variado de l'rapidecoj dependas de ioma kvanto da elementoj (kiaj estas dismeto, longeco, larĝeco, enakviĝo kaj super ĉio formoj) kaj ne povas esti difinita «a priori» per analitiko, ĉar pro ĝia malsimpleco ne estas eble esprimi la fenomenon per leĝo teoria.

La rezistecoj kontraŭ antaŭeniro povas esti laŭ ĝenerala maldetala pristudo dependigataj de du ĉefkaŭzoj : kreo de ondo kaj frotrezisto de l'medio.

La eksperimenta metodo konsentas difini la rezistecon de ondo pri iu ŝipkorpo, ĉar ekzistas leĝo malkovrita de W. Froude per kies bazo oni povas eltiri de rezisteco de modelo, je malgranda skalo, la rezistecon renkontotan de l'ŝipo en vero. Tiajn eksperimentojn oni faras interne de eksperimentaj akvujoj, en kiuj oni trenas modeletojn de ŝipoj mezurante la reziston kontraŭ la trenilo.

La eksperimenta metodo konstante perfektigi ĝis maksimumo la formojn de la ŝipkorpoj, ĝis tiom, ke oni povas nun opinii esti atinginta preskaŭ la atingeblon rilate al taŭgeco de formoj por la rapidecoj uzataj.

La aliaj rezistecoj al antaŭeniro estas ŝuldataj al frotrezisto de l'medio (akvo), al rezisto de aldonaj elstaraĵoj, kiuj entute, ĉe kutimaj ŝipoj egalas, (se ili ne eĉ preteriras la rezistecon de ondo), povas esti kalkulataj per metodoj sufiĉe fidindaj.

Ĉe egaleco de aliaj kondiĉoj la ŝipoj estos tiom pli rapidaj kiom pligrandaj estos la potencoj de la pelmaŝinoj sur ili instalitaj kaj sekve, kiom malpligranda estos la pezo de la maŝinoj po ĉevalforto donata.

...La progreso de l'rapideco estas nun ligita, en la nuntempa stato de la aferoj, kun la malpliiĝo de l' specifa pezo de la mov-aparatoj kaj tio-ĉi estos ĝis kiam oni eltrovos ian pelilon kies presto (produkto-kvanto ; la rilato inter laboro utila kaj laboro mova postulata de la ilo por regula funkciado) estu pligranda ol tiu de la helico (ŝraubpelilo). Ŝipkorpojn malpli rezistajn ol la nunaj estas malfacile antaŭvidi, krom ke oni transiru al ŝipkorpoj glitantaj surakve (similaj al tiuj uzataj por la hidroaeroplanoj) kiuj havas eblojn multe pligrandajn ĉar ili forigas la rezistecon de ondo. Per tiuj ŝipkorpoj laŭŝajne oni jam atingis 60 knotojn. Ilia uzado estas tamen limigita je tre specialaj kondiĉoj de trankvila maro.

## KOMERCA NAVIGACIO TRA LA JARCENTOJ

**(Direktoro Le Brun, Londono).**

Komerca navigacio komencis, kiam la homo sentis la bezonon transiri riveron por serĉi vivrimedojn. Homa naĝado ne solvis la problemon, sed surnaĝata lignopeco inspiris niajn prapatrojn. Ili elpensis floson, poste elkavigitan arbotrunkon : la pratempa pirogo.

Kiam la homo sukcesis lerte kunigi tabulojn li naskis la boaton. Moviga povo estis homa forto efikanta per remiloj ; poste la vento.

Sinsekvaj plibonigoj nin kondukas al la galero. Egipta, greka, aŭ roma, ĝi estas science konstruita ŝipo ; moviga povo ĉefe per multnombraj remiloj, laŭvice lokitaj.

La unuaj markomercantoj estis la Fenicianoj, kiuj marveturadis de la Mezmaro ĝis la Baltiko. Pli poste, la Normanoj (Vikingoj), tamen pli militemaj ol komercantaj, atingis Sicilion kaj verŝajne Nordamerikon per malfortaj senferdekaj barkoj.

La ŝipkonstruado pliboniĝas kaj naskas la karavelon, la «Santa-Maria» per kiu Kolombo eltrovas Amerikon. Kolombo, Vasko de Gamo, Magelano, jen la iniciantoj de ĉirkaŭmonda navigacio. En Nordeŭropo, la Hanso-Unuiĝo de liberaj urboj donis dum kelkaj jarcentoj gravan impulson al la komerca navigacio. Longatempe hispanoj, portugaloj kaj holandanoj regas surmare. La eldetruo de la hispana «Armado» kaj la starigo de anglaj kolonioj en Nordameriko estas faktoroj, kiuj transdonas al Anglujo la marregecon. La sklavkomerco, kvankam honta makulo, prosperigas dum tri jarcentoj la maran komercadon. Baldaŭ venas la tempo de du aŭ triferdekaj ŝipoj uzataj ĝis la mezo de la XIXa jarcento.

Iom post iom ni alproksimiĝas al la epoko de moderna navigacio. La elpenso de la vapormaŝino revoluciigas la marveturadon tiel same kiel la enlandan industrion. Unuaj iniciatoroj : Denis Papin, James Watt, la amerikanoj John Fitch kaj Robert Fulton. Ĉe komenco de la XIXa jarcento estiĝas linioj de vaporŝipoj. En 1833 unua transiro de Atlantiko. Ŝipoj pliboniĝas kaj pligrandiĝas. Gravaj kompanioj eŭropaj fondiĝas por atlantika aŭ orienta markomercado. Velŝipoj momente renaskiĝas en formo de belegaj rapidaj «clippers», sed la vaporo kun helpo de la helico fine venkas. Maŝinoj perfektiĝas, turbinoj, motoroj estas novaj etapoj en la historio de la marveturado kaj ebligas la naskon de gigantaj poŝtŝipoj. Ĉiudirekten mirindaj ŝarĝ kaj pasaĝeraj ŝipoj trakuras la marojn, pli kaj pli faciligante la komercajn interrilatojn de la popoloj kaj ebligantaj tiun ekonomian liberan interŝanĝon, kiu estas kondiĉo de venonta prospera kaj paca stato en la mondo.

## LA RISKOJ EN MARTRANSPORTOJ

(Advokato M. Roost, Antverpeno).

La komercajoj transportataj surmare estas minacataj de diversaj riskoj.

La reguloj de la ordinara civila leĝo ne sufiĉas por solvi la demandon, kiu devas suferi la perdon ; la maraj aferoj, pro sia speciale riska karaktero, postulas reguligon bazitan sur principoj malpli individuecaj ol la komuna juro. Tial, la mara leĝo estis ĉiam multe pli moderna ol la civila, kaj ĉiam en la evoluado de la juro.

Ekzemple, en Anglujo, kie, laŭ la civila leĝo, la devoj de la kontraktinto ne ĉesas pro deviga forto, oni akceptis, ke la ŝipestro ne respondecas pri la perdoj pro naturaj fortoj. Sed en la praktiko tio ne sufiĉas; ŝipposedantoj ĉiam postulas, ke en la kontrakto la komercistoj akceptu klaŭzojn multe pli favorajn al li ol tiuj de la leĝo. Tiuj kontraktoj fariĝis en la lasta tempo tiel malfavoraj al la komercistoj, ke en kelkaj landoj estas faritaj leĝoj por limigi la liberecon en la redakto de la transportdokumentoj. Eĉ estis kun sama celo diskutata en kelkaj kongresoj regularo nomita «reguloj de Hago» kies aplikado estis rekomendita al la interesuloj, kiel klaŭzoj libervole akceptitaj de ili.

Sed kiam la pereo aŭ averio de kelkaj komercaĵoj devenas de agoj faritaj en intereso por la tuta ŝarĝaĵo oni ne devigas la posedantojn de la difektitaj aĵoj suferi la tutan perdon; la malprofito estas dividata inter la diversaj interesitoj laŭ la valoro de la komercajoj kiuj estas savitaj.

De tre longtempe la komercantoj elpensis rimedojn por protekti sin kontraŭ la riskoj. Unue ili prunteprenis monon, kiu estis repagota nur, kiam la ŝipo kaj komercaĵo atingis la celon de la vojaĝo. Nun la kontraŭa procedo estas uzata en la asekuro de komercaĵoj: la kompenso estas pagita post la perdo. Tiamaniere oni pli kaj pli evoluas en la direkto de dispartigo, pere de la asekuraj societoj, de la perdoj inter ĉiuj kiuj veturigas komercaĵojn surmare.

Ne plu gravas tiel multe, kiu teorie devas suferi la perdon. Plej ofte li ricevas kompenson.

Do, fakte la reguloj ankoraŭ ĉiam evoluas kun tre sociala tendenco, multe pli progresema ol la ĉiutaga leĝo.

## LA AGADO DE LA INTERNACIA LABORA OFICEJO POR LA MARISTOJ

(Chas. G. Tarelli, Genève)

La Internacia Labora Organizaĵo estas starigita de la Parto XIII de la Packontrakto rezulte de la diskutoj de la Komisiono pri Internacia Labora Leĝdono, kreita de la Packonferenco en Parizo. La celo de la Organizaĵo estas la plibonigo de laborkondiĉoj per internaciaj reguligoj konsentataj en Konferencoj de reprezentantoj de la Registaroj, mastroj kaj laboristoj en ĉiuj Ŝtatmembroj de la Ligo de Nacioj. La Komisiono pri Internacia Labora Leĝdono, post diskuto de la ideo, ke aparta organizaĵo por maraj aferoj devas esti starigata, akceptis rezolucion rekomendantan ke aparta kunveno de la Internacia Labora Konferenco pritraktu la tre specialajn demandojn pri la interesoj de la maristoj. La Unua Internacia Labora Konferenco, kunveninta en Washington en 1919, decidis, ke ĝia plej grava konvencio, tiu pri la okhora labortago, ampleksu maristan laboron, sed ke la reguloj pri ĝia apliko al tiu laboro estu starigataj de speciala konferenco.

La speciala mara Konferenco kunvenis en Ĝenovo, en 1920. La projekto de konvencio proponita al tiu Konferenco pri la okhora labortago surŝipe ricevis 48 voĉojn kontraŭ 25. Mankis do nur frakcio de voĉo por atingi la du trionojn de la voĉoj necesajn por akcepto. Pro manko de tiu frakcio tamen la projekto estis malakceptita, kaj internacia kontrakto reguliganta laborhorojn surŝipe ne ankoraŭ ekzistas.

La Konferenco akceptis projekton de konvencio fiksanta la minimuman aĝon por allasi infanojn al mara laboro, projekton de konvencio pri kompenso pro senlaboreco okaze de ŝipopereo, protekton de konvencio pri dungigo de maristoj, rekomendon pri laborhoroj en la fiŝkapta industrio, rekomendon pri laborhoroj en enlanda navigacio, rekomendon pri la starigo de naciaj maristaj kodoj, rekomendon pri asekuro de maristoj kontraŭ senlaboreco.

La rekomendo pri naciaj maristaj kodoj celis faciligi la starigon de internacia kodo por maristoj, demando enmetita en la tagordon, sed pri kiu la Konferenco opiniis, ke estus pli saĝe procedi per stadoj. La Konferenco akceptis rezolucion asertantan la eblecon kaj necesecon de tia kodo. Tiu rezolucio ankaŭ petas la Internacian Laboroficejon, ke ĝi faru la enketojn necesajn por starigi internacian kodon por maristoj.

La Komuna Mara Komisiono, kreita laŭ rezolucio de la Administra Konsilantaro de la Internacia Laboroficejo en ĝia kunveno en Marto 1920, estis definitive starigita dum la konferenco en Ĝenovo. La Komisiono konsistas el la Prezidanto de la Administra Konsilantaro kiel laŭofica Prezidanto, du membroj de la Administra Konsilantaro, kaj kvin ŝipposedantoj kaj kvin maristoj, elektataj de la Konferenco en ĝiaj specialaj maraj Kunsidoj. Ĝi tre utile kunlaboris kun la Internacia Laboroficejo pri la esplorado de maraj demandoj.

La Tria Kunsido de la Konferenco, kunveninta en Ĝenevo en 1921, akceptis Projekton de Konvencio malpermesanta la servigon surŝipe de infanoj kaj junuloj malpli ol 18-jaraĝaj sen prezento de kuracista atesto de ilia taŭgeco por tiu laboro, kaj Projekton de Konvencio malpermesanta la servigon surŝipe, kiel hejtistoj aŭ karb-stivistoj, de junuloj malpli ol 18-jaraĝaj.

La Tria Kunsido, kiu estis ĝenerala kunsido ankaŭ akceptis rezolucion decidantan, ke neniuj Konvencioj aŭ Rekomendoj estu aplikataj al la laborantoj en la komerca ŝiparo, se ili ne estas akceptitaj kiel speciala mardemando en la tagordo, kaj ke ĉiuj demandoj pri maraj aferoj prezentataj por la konsiderado de iu Konferenco devus esti antaŭe konsiderataj de la Komuna Mara Komisiono de la Internacia Labora Oficejo.

La Naŭa Kunsido de la Konferenco, kiu estis la dua speciala Mara Kunsido, kunvenis la 7-an de Junio 1926.

Kiel kontribuon al la dezirata internacia kodo por maristoj, ĉi tiu Kunsido de la Konferenco akceptis projekton de konvencio pri dungokontraktoj de maristoj, projekton de konvencio pri reenpatrujigo de maristoj, rekomendon pri reenpatrujigo de ŝipistoj kaj lernantoj kaj Rekomendon pri la ĝeneralaj principoj de inspekto de laborkondiĉoj de maristoj.

La plej grava decido de la Konferenco estis eble la rezolucio petanta la Administran Konsilantaron, ke ĝi enmetu en la tagordon de speciala mara Kunsido en 1928 la demandon pri la reguligo de laborhoroj surŝipe, kaj ke ĝi submetu tiun ĉi demandon al la Komuna Mara Komisiono en ĝia sekvonta regula Kunsido. Tiu ĉi propono estis diskutita en diversaj kunvenoj de la Komuna Mara Komisiono kaj la Administra Konsilantaro, kaj la Konsilantaro finfine decidis por la definitiva enmeto de la demando en la tagordon de speciala Mara Konferenco kunvenonta, ne en 1928 sed en 1929. La tagordo de tiu speciala kunsido ankaŭ enhavos du aliajn demandojn : la protekto de maristoj okaze de malsano, inkluzive kuracado de vunditoj surŝipe, kaj la plibonigo de la vivkondiĉoj de maristoj dum ilia restado en havenurboj.

La konvencioj pri mara laboro estas jam konfirmitaj de multaj Ŝtatoj, kaj leĝoj estas faritaj en pluraj landoj por efektivigi la rekomendojn.

La Internacia Laboroficejo kaj ĝia Komuna Mara Komisiono faris multajn aliajn klopodojn por la interesoj de la maristoj, inkluzive longajn studojn kaj enketojn pri la sociaj kondiĉoj de havenurboj kaj aliaj demandoj koncernantaj la sanon kaj komforton de maristoj pri la problemoj de sendanĝereco surŝipe. Tiu rakonto sufiĉe montras, ke por la interesoj de la maristoj, multo jam estas farita sed ke multo ankoraŭ restas por fari, pri kio la agado de la Internacia Labora Organizaĵo estas speciale grava kaj necesa, kaj ke tiu agado meritas la konstantan apogon de ĉiuj klasoj en ĉiuj landoj.

## LA VIVO DE L'MARO

**(Farmaciisto Oscar Van Schoor, Antverpeno)**

La sciencaj konoj pri la Maro, de la plej praavaj tempoj ĝis antaŭ unu jarcento, estis tre malmulte disvastigataj. Oni sciis pri la Maro preskaŭ nenion; la scienculoj, same kiel la komuna homaro, sciis ke la Maro estas granda akvamaso, treege profunda, kovranta la tri kvaronojn de la tera supraĵo, ke en ĝi vivas la fiŝoj, ke ĝi estas la rifuĝejo de teruraj kaj misterplenaj monstroj kaj aliaj kruelaj kaj fortegaj animaloj.

Estas nur de la mezo de la antaŭa jarcento, okaze de la lokigo de submara telegrafkablo inter la kontinentoj, ke oni komencis esplo-

ri la fundon de la Maro, kaj estas nur en la lastaj jardekoj, ke la sistema, laŭscienca esplorado de la oceanoj permesis priskribi multege pli detale la tag-post-tago akiritajn rezultatojn en tiu nova sciencfako, kiun oni nomas la oceanografio.

La vivo en la Maro estas multe pli diversspeca ol la homoj kutime kredas ; se la vegetala vivo estas malpli diversa en la maro ol sur tero, tio devenas de la fakto, ke plantoj estas vivantaj estaĵoj kiuj bezonas lumon kaj aeron por vivi kaj kreski, kaj pro tio ke la lumo ne enradias en la iomete grandajn marprofundaĵojn, la vivo por vegetaloj estas ebla nur en la supraj marpartoj. Ankaŭ la maraj kreskaĵoj apartenas al la plej malaltaj vivantaj estaĵoj. Ĉefe ili apartenas al la klaso de la algoj, tio estas ĉelaj vegetaloj, kies viva kaj anatomia disvolvado estas tre simpla. La algoj estas dividitaj en familiojn, laŭ la koloro de la foliaro : verda, ruĝa, nigra, k. t. p. Inter ili estas diversaj algoj, kiuj havas valoron kiel medikamentoj, aliaj estas uzataj por la ekstraktado de kemiaj substancoj aŭ ankaŭ kiel sterkaĵoj. Ekzistas ankaŭ en la Maro grandega diverseco de aliaj algoj kiuj estas mikroskope malgrandaj, kaj kiujn oni nomas diatomoj. Tiuj diatomoj konsistas ĉefe el skeleto farita el silico kaj vidita tra mikroskopo ili montras belegajn kaj admirindajn, regule desegnitajn ornamaĵojn. Post ilia morto la skeleto minerala malsupreniras sur la marfundon kaj formas tie specon de ŝlimo, kiun la scienculoj nomas la «plankton».

La preskaŭ tuta animala regno havas reprezentantojn en la mara vivo. Protozooj kaj mambestoj, fiŝoj kaj birdoj, vermoj kaj artropodoj havas multnombrajn specimenojn en la mara vivantaro. Nur la nomado de la mara animala vivantularo bezonus pli da tempo ol tri plelegoj daŭras. Tiuj animalaj estaĵoj estas tre utilaj kaj profitplenaj por la insulanoj kaj por la apudmaraj loĝantaroj. Industrioj plej diversaj uzas la naturproduktaĵojn de la mara animala vivantaro por la plej granda profito de la homaro.

Kvankam la prelegoj de la somera universitato ne pretendas multege progresigi la sciencojn, ili tamen havas ege grandan gravecon, precipe ĉar ili montras ke, eĉ la plej specialaj subjektoj kaj temoj de la sciencoj kaj de la diversaj homaj konoj povas esti facilkompreneble pritraktataj pere de Esperanta lingvo. Estas la devo de ĉiu Esperantisto, ĉiu en sia propra fako, favorigi la uzadon de Esperanto por la disvastigado de la sciencoj kaj por la plifaciligo de ĉiuj interrilatoj de scienco, komerco, socio, ekonomio, turismo a.s. pere de la kongresoj, revuoj, jurnaloj kaj libroj.

## LA HIDROGRAFIO

(Generalinĝeniero-hidrografo Rollet de l'Isle, Paris)

Hidrografio estas scienco per kiu estas starigitaj la dokumentoj ebligantaj, ke la maristoj, ŝipveturu kun certeco kaj sendanĝere.

La ĉefaj el tiuj dokumentoj estas la mar-kartoj. Sur tiuj kartoj estas montrataj la formoj de la marbordoj, la havenoj en kiujn la maristoj povas eniri, la diversaj konstruaĵoj videblaj sur la marbordoj kaj en la regionoj najbaraj je la maro, la profundo de la maro en kiel eble pej granda nombro da lokoj, la submaraj danĝeroj evitindaj, unuvorte ĉjuj sciigoj, kiujn la navigantoj bezonas koni por atingi la celon de sia vojaĝo kiel eble plej rapide.

Tiujn kartojn, nomitajn **marbordajn kartojn,** la navigistoj uzas kiam ilia ŝipo alvenas al la marbordo ; sed kiam ili estas en la spaca maro, ili uzas aliajn mar-kartojn, kiujn oni nomas vojirado-kartoj. Tiuj kartoj estas aranĝataj tiamaniere ke la vojo laŭirota de iu loko al alia (tio estas la direkto montrota de la kompaso, kiam oni laŭiras tiun vojon) estas montrata de rekta linio kuniganta tiujn lokojn, kiun oni nomas loksodromion.

Por konstrui tiujn kartojn, oni fiksas pozicion de la lokoj per latitudo kaj longitudo ; poste oni trianguladas per **teodolito** kaj desegnas la detalojn per **topografio** ; fine oni serĉas la profundon de la maro en kiel eble plej granda nombro da lokoj per **sondado**, uzante diversajn metodojn.

Oni povas trovi tiun profundon mezurante longecon de fadeno inter la surfaco kaj la grundo de la maro. Tiu fadeno estas streĉita per plumba pezaĵo alligita ĉe la malsupra ekstremaĵo. Nun oni uzas multe pli oportunan metodon bazitan sur observado de la tempo, kiun bezonas la sono por iri el la surfaco ĝis la grundo kaj reveni ĝis la surfaco, ĉar oni scias rapidecon de la sono tra la akvo, per tiu tempo oni konas la profundon.

Pro la ŝanĝo de nivelo de la maro kaŭzita de la **tajdo**, oni devas korekti la observitajn profundojn antaŭ ol enskribi ilin sur la kartojn, por ke ili ĉiuj korespondas je sama nivelo.

Sed la plej malfacila tasko de hidografio estas serĉi kaj fiksi pozicion de la nevideblaj submaraj danĝeroj, t.e. rokoj, benkoj, kiujn povas renkonti veturantaj ŝipoj kaj sekve difektiĝi tiel grave, ke ili riskas ofte tute perei. Per tio, oni tre atente sondadas en la regionoj, ĉe kiuj eble troviĝas tiaj danĝeroj. Eĉ tio ne sufiĉas, ĉar kelkafoje tiuj danĝeroj konsistas el tre akraj rokpintoj ; tiam oni uzas specialan aparaton nomitan trenfadenon; ĝi estas dika fadeno trenata horizontale je konstanta profundo en la maro, kaj renkontas kaj sekve signalas, la ĉiuspecajn danĝerojn.

En ĉiu apudmara nacio estas **Hidrografia Oficejo,** komisiita por publikigi mar-kartojn kaj aliajn dokumentojn nomitajn **Navigaciaj Instrukcioj**, per kiuj la maristoj sciiĝas pri ĉiuj detaloj utilaj al si, kaj kiuj ne troviĝas sur la kartoj.

Ĉar ĉiu nacio publikigas kartojn kaj dokumentojn redaktitajn en sia propra nacia lingvo kaj ĉar la diversaj **hidrografiaj oficejoj** devas traduki ilin por ebligi ilian uzadon por siaj maristoj, uzo de unu nura lingvo Esperanto alportus grandegan ŝparadon de tempo, laboro kaj mono.

Estis starigata **Internacia Hidrografia Oficejo,** kies celo estas klopodi por efektivigi decidojn de internaciaj hidrografiaj konferencoj, kiuj kuniĝas periode. En tiuj konferencoj la hidrografiaj naciaj oficejoj studas kaj decidas metodojn uzotajn por unuformigi kiel eble plej la hidrografiajn dokumentojn.

Tuta solvo povas esti donata nur de ĝenerala uzado de nia lingvo kaj de la metra sistemo.

## APLIKADO DE RADIO EN LA NAVIGADO

(Prof. René Mesny, Parizo.)

Kiam Marconi sukcesigis la gravegan provon interkomuniki senfadene trans la markolo «Pas de Calais», oni vidis en la nova tekniko neesperitan rimedon por starigi ligon inter la ŝipoj kaj la tero. Tamen la esperoj estis tre timemaj; oni tute ne antaŭpensis pri la mirindaĵoj hodiaŭ realigitaj. De tiu tempo (1899) la radio progresis per gigantaj paŝoj kaj invadis ĉiujn kampojn de la homa agemeco.

La morgaŭaj progresoj estos verŝajne ankoraŭ pli mirigantaj ol la nune atingitaj ; tamen, se ni pripensas, dum unu momento la rilatajn gravecojn de la ricevitaj rezultatoj ni devas konfesi ke la plej utilaj por la homoj estas tiuj kies agadkampo estas la maro.

La urbano kiu vivas sur firma tero, kiu ĉiam kaj tuj trovas facilan ŝirmon kontraŭ la ventego en sia dolĉa hejmo, kredeble ne direktas ofte siajn pensojn al la sorto de maristo. Li nur, dum nokto de fortega vento, sin transportu en revo trans la malproksima horizonto de la maro sur la ferdekon de malgranda ŝipo batata de la ondegoj;

li tiam sentos kia gravega komforto estus por li la senfadena telegrafo kiu lin kapabligas aŭskulti la trankvilajn teranojn kaj, laŭbezone, ilin voki por helpo.

Li ankaŭ rigardu ĉirkaŭ li je ĉia momento de la tago kaj kalkulu 'ĉion, kio venis de la maro aŭ trans la maro por lia bonstato. Tiam li komprenos la veran sencon de ĉiuj progresoj utilaj al la maristoj. Ni do rapidege kuru tra tiuj progresoj.

Radio nun ebligas la alvokon por helpo kiam ŝipo estas minacata de pereo. Ĉiuj konas la funebran signalon S O S; estas kredeble malpli konata ke, de unu jaro proksimume, ekzistas aparatoj kiuj ebligas aŭtomatan alsendon kaj aŭskulton de tiu signalo. Tiaj aparatoj tre multe pli grandigas la sekurecon.

Ĝis la lastaj jaroj la interkomunikadoj de la ŝipoj kun la tero estis limigataj je distancoj malgrandaj-kelkcent miloj — escepte por la tre gravaj ŝipoj. Nun la mallongaj ondoj — 15 ĝis 50 metroj — ebligas komunikojn inter la plej malproksimaj punktoj, kiujn oni povas trovi sur nia globo, kaj tio estas realigebla per nepotencaj sendiloj — kelkcentoj da vatoj — kiuj estas facile havigeblaj de la plej malgrandaj kaj malriĉaj ŝipoj. Malgranda fiŝkaptanta ŝipo veturanta en la malproksimaj Sudaj Maroj povas preskaŭ ĉiutage sendi telegramojn de la antipodo al Parizo. Oni vidas la gravan komercan utilecon de tia ebleco.

Ne nur kiel interkomunikilo estas utila la radio, sed ankaŭ kiel ilo de la navigacio. De la plej antikvaj tempoj la maristoj scias determini la latitudon per astronomiaj observoj, la longitudo restis nesolvebla problemo ĝis la lasta jarcento. La elpenso de la kronometroj alportis solvon al tiu demando, sed la kronometroj estas tre karaj kaj ofte malfacile utiligeblaj. La Radio, kiu ebligas la sendon de akuratego horo sur ĉiuj maroj, liveras simplegan rimedon determini la longitudon sur la plej malgrava ŝipo.

Kiam ŝipo veturas apud la landbordo, ĝi bezonas tre akuratan konon de sia loko ; por tio li observas per la magneta kompaso la direkton de la lumturoj; sed, en nebulega vetero, kiam la kono de la loko estas plej necesa, ĝi estas blinda. Tie ĉi ankaŭ, la Radio ĝin savas : la radiogoniometro donas al ĝi rimedon por trovi la direkton de la teraj nevideblaj sendiloj.

Ne estas ĉio ! Radio forlogis la homojn al la plena studado de la altfrekvencaj osciloj kiuj estas ĝia propra esenco; kaj tiuj, studataj sendepende de la eteraj ondoj kiujn ili naskigas, liveris ankaŭ novajn mirindaĵojn. Dank'al la pero de la piezoelektraj proprecoj de la kvarco, oni povas produkti en la maro supersonojn kies reflekto sur la fundo ebligas akuratan determinon de la profundo. Kaj tiuj determinadoj estas tiel facilaj ke oni povas ilin ricevi ĉiusekunde kaj aŭtomate desegni sur papero la formon de la fundo laŭlonge la vojo de la ŝipo.

Kiam la grekaj matematikistoj desegnis sur la sablo la geometriajn figurojn kaj studis la proprecojn de la konikoj, ili preparis la vojon al Kepler, al Newton, al Laplace kies astronomiaj verkoj ebligis por la maristoj heroajn navigaciojn.

Kiam Maxwell kaj Hertz profetis kaj realigis elektrajn ondojn, ili ankaŭ preparis la vojon al tiu aro da scienculoj kaj teknikistoj kies mirindaj eltrovaĵoj donis al maristoj la sekurecon kaj forigis ilian solecon sur la maroj, kiel ajn malproksimaj ili estas.

Ĉiuj tiuj grandegaj pensuloj laboris por ideoj nur suprenrigardante la belecon de Naturo. Ilia verko estis bonfaro por la homaro. Ni sekvu ilian ekzemplon, ni rigardu inter niaj idealoj, nian verdan stelon, nur ĉar ĝi estas bela kaj justa. Ni ankaŭ preparos iom da feliĉo por niaj nepoj!

# LA FAKAJ KUNSIDOJ

## LA T. E. K. A.-KUNSIDO.

La 7an Augusto je la dua horo posttagmeze okazis la faka kuracista Kunveno en la Medicina Rondo (Cercle Médical)-Kunvenoj de la Antverpena Kuracistaro. Ĉeestis 58 personoj, reprezentantaj 13 naciojn.

La prezidanto: Dro Blassberg el Krakovo (Pollando), malfermis la kunsidon per mallonga parolado, bonvenigante la ĉeestantajn Antverpenajn kuracistojn kaj la aliajn, alvenintajn el diversaj tre malproksimaj landoj.

En la parolo li menciis, ke la kuracistoj-esperantistoj montras al la medicinistoj la ĝustan vojon por estonteco, ĉar la ĝisnuna multlingveco ne sufiĉas por kuracistoj al naciaj interrilatoj kaj dum la internaciaj kongresoj oni komprenas sole ĉirkaŭ 20 o/o da enhavo, en la diskutado partoprenas ne la plej kompetantaj scienculoj, sed la plej bonaj poliglotoj. Fine li tralegis gratulleterojn, alvenintajn de kolegoj el diversaj landoj (Japanujo, Aŭstrujo, Pollando k.t.p.). Oni elektis honoran prezidantaron, konsistantan el doktoroj : Prof. Gunzburg (Antverpeno), Torres y Carreras (Barcelono), Buchanan (Londono), Bischitzky (Praha), Pattai (Budapest).

Prof. Bujwid (Krakovo) bonvenigis la kunsidon en la nomo de la I. E. S. A. Prof. Gunzburg (Antverpeno) bonvenigis en la nomo de Antverpena Medicina Asocio.

La programo komencis per raportoj de Dro. Blassberg (Krakovo) kaj Dro. Briquet (Lille). El tiuj-ĉi evidentiĝas, ke la T. E. K. A.-Movado antaŭen iras kaj precipe disvolviĝas en Japanlando, kie ekzistas multaj filioj, fonditaj kaj apogataj de famaj japanaj profesoroj. Same ekzistas tie multaj kursoj por gestudantoj, multaj medicinaj prelegoj kun diskutado kaj preskaŭ ĉiuj gravaj medicinaj gazetoj presigas esperantajn artikolojn. Plie « Inter Medicina Revue » presigas artikolojn tute originalajn, konatajn sole en Japana kaj Esperanta lingvoj kaj tiamaniere aliaj medicinaj gazetoj povas ĉerpi el ĝi artikolojn, tute nekonatajn en Eŭropo. Ankaŭ en Eŭropo kaj Ameriko ekestiĝas filioj de T. E. K. A. Tutmonda ligo por seksaj reformoj akceptis Esperanton, kiel oficialan lingvon. La demando pri Esperanto estas akceptita en programon de la oka Sovjet-Unia Kongreso de ginekologoj en Kievo. Multaj fakaj gazetoj komencas referi pri esperantlingve aperintaj artikoloj.

Prof. Gunzburg (Antverpeno) parolis pri la kontraŭreŭmatisma centro en la Brugmana hospitalo en Bruselo. Ĝi apartenas al la unuaj tiaspecaj centroj en Eŭropo. Li priskribis siajn observojn kaj spertojn pri patologio, simptomaro, terapio kaj statistiko. Sekvis diskutado, en kiu partoprenis :

D-roj Bischitzky (Praha), Róbin (Varsovio), Heinen (Köln), Torres y Carreras (Barcelono), Meyer (Saarbrücken), kaj Bluth (Bad Neuenahr).

Dro Torres y Carreras (Barcelono) prelegis pri la Röntgenaj diagnostiko de la malsanoj, detruantaj spirorganon.

En la diskutado D-ro Meyer substrekis gravecon de röntgenaj esploroj, kiaj montris lastatempe, ke tuberkulozaj kavajoj tre ofte troviĝas ne en la supraj, sed en mezaj kaj malsupraj partoj de la pulmoj.

Fine la preleginto menciis siajn impresojn el la internacia kongreso de la röntgenologistoj en Stockholmo, kie kontraste al la Esp. kunsidoj la interkompreniĝado estis tre malbona.

D-ro Róbin (Varsovio) prelegis pri nova simpligita prova matenmanĝo, en kiu li proponis anstataŭ la ĝis nun uzata matenmanĝo de Boas-Ewald, matenmanĝon, konsistantan el teo kun lakto kaj sukero. En la diskutado partoprenis D-roj Blassberg kaj Meyer.

D-ro Raŭpp (Kaiserlautern), referis pri enkonduko de Esperanto en la medicinajn kongresojn kaj faris koncernajn proponojn. En diskutado partoprenis D-roj Kempeneers (Bruselo), Bischitzky, Meyer, F-ino Offerhaüs (Hago) kaj Róbin, kiu atentigis pri specialaj proponoj, farotaj en la lasta parto de programo.

F-ino Wolff (Cleve) referis pri enkonduko de Esperanto en internaciajn banlokojn kaj rakontis pri siaj spertoj tiurilataj, ĉefe koncernantaj Bad Neuheim.

En diskutado portoprenis : Droj Meyer, Briçuet, Róbin, Bischitzky, Raŭpp kaj Heinen.

Poste D-ro Róbin referis projektojn de la T. E. K. A. estraro :

1e Krei sekciojn hemian-farmacistan, de bestkuracistoj kaj med. studentoj.

2e Krei laborfakojn : kongresan, balneologian, eldonan kaj propagandan. Post vigla diskutado, en kiu partoprenis F-ino Hanbury (London), Meyer, Blassberg, Sola-Montserrat (Tarrasa), Bischitzky, F-ino Offenhaŭs-estis akceptitaj proponoj de la estraro kun aldono de D-ro Bischitzky (Praha), ke kiel ordinaraj membroj de T. E. K. A. estu akceptataj krom kuracistoj ankaŭ parencaj profesiuloj, kiuj havas akademian gradon.

La konferenco okazis en stila sidejo de Antverpena Kuracistaro, ornamita per belegaj pentraĵoj de famaj pentristoj.

La vigla scienca diskutado de diversnaciuloj okazis sole en Esperanto, ĝi estis grava kaj serioza. Samtempe regis tre amika, agrabla atmosfero.

Post la laborema kunsido okazis komuna vizitado de Zander-Instituto de Prof. D-ro Gunzburg en Antverpeno, kiun sekvis amikeca komuna tetrinko kaj fotografado.

La hispana plej malnova kaj plej grava medicina gazeto « El siglo Medico», direktata de fama D-ro Carlos-Maria-Cortezo sendis specialan korespondenton por la T. E. K. A. kunsido en Antverpeno.

## FAKKUNSIDO DE LA KOMERCISTOJ & INTERNACIA BORSO

**Lundon, 6an de Aŭg., je la 3a ptm. en Ĉambro 4a, en Supera Komerca Instituto, Schilderstr. ANTVERPENO.**

La kunsido estis malfermata de S-ro M. DEKETELAERE el Ant-

verpeno, kiu bonvenigas ĉiujn gekolegojn kaj deziras al ili fruktoplenan laboron kaj bonajn negocojn. Ĉeestas 25 komercistoj.

La parolvico unue estas donata al sro SWALF el Antverpeno. Li atentigas la ĉeestantojn pri la graveco de Antverpeno kiel tutmonda centro en la diamantkomerco kaj industrio. Dezirante montri kelkajn aspektojn de tiu interesa fako de la Antverpena negoco, li invitas ĉiujn al vizito de diamantborso kaj facetejo, la sekvantan tagon, je la 3a ptm. Oni dankas.

Poste, parolas Sro WALDSTEIN el Praha, pri internacia organizo de la societoj « Esperanto & Komerco » kaj pri la neceseco rilatigi la lernantojn de komercaj kursoj kun eksterlandanoj por ke ili havu okazon estimi la lingvon kaj prepari ĝian pli vastan enkondukon en la komercan praktikon.

Frino GERARD el Parizo konsentas kun antaŭa parolinto akcentante ke en granda urbo kiel Parizo, propagando inter komercista junularo ne estas rapida. Estas malfacile unuigi en grupo la lernintojn de kurso kaj kunvenigi ilin regule, ĉar la distancoj estas tro grandaj.

Parolante pri societoj « Esperanto & Komerco », Frino Gérard rimarkigas la grandajn servojn kiujn la diverslandaj grupiĝoj kapablas sin reciproki, funkciante kiel Informoficejo pri pagkapablo de enurbaj komercistoj.

Sro GABRIELS el Rotterdam plendas pri iuj Esperantistaj « komercaj » entreprenoj kiuj ne hezitas postuli pograndajn prezojn superantajn je 10 o/o tiujn de la konkurenco.

Sro HOLLEMAN el Bergen-op-Zoom, Holando, konsentigas ĉiujn dirante ke ĉiu firmo havas la eblecon multe fari por Esperanto, prizorgante samtempe sian propran intereson, se ĝi uzas la lingvon en siaj internaciaj rilatoj kaj faras reklamon er Esperantaj gazetoj.

Sro THOLLET el Kenitra, Maroko, priparolas planon kiun li havas por fondi vojaĝoficejon pli malkaran ol « Cook », pere de la kunlaboro de ĉiuj Delegitoj de U. E. A.

Sro GOSSIAUX el Antverpeno, Prezidanto de la Loka « Komitato por Internacia Komerca Lingvo » kaj Komerca Juĝisto, anoncas al la Kunveno ke li salutas la ĉeestantojn, kiel Delegito de la Komerca Ĉambro de Antverpeno, al kiu li donos raporton pri la diskutitaj punktoj kaj voĉdonitaj rezolucioj. La kunveno dankas aplaŭdante.

Sro Gossiaux ankaŭ petas ke oni transdonu al li komercajn cirkulerojn kaj reklambroŝurojn en Esperanto eldonitajn, po ke li povu daŭrigi sian propagandon en la direktantaj komercaj medioj de Antverpeno.

Sro MINOR, Berlin, havis bonajn sukcesojn uzante Esperanton en komerco. Nur ne rekomendas li la komercadon de grupo Esperantista.

Sro NEMSEĈI el Tabriz, Persujo, pretendas la kontraŭan. La komercista « ESPERANTO UNIO » en Tabriz bone negocas kun Dresdena Esperanto Societo. Li tamen konsentas ke Aziaj cirkonstancoj

multe diferencas de la Eùropaj, kaj komerco ebla inter Eùropa kaj Azio ne estos ĉiam ebla inter du Eùropaj landoj.

Laŭ Sro HIRST el Huddersfield, Anglujo, komerco signifas aĉeti kaj vendi. Fondinte Esperanto-Societon komercan, se vi nur sendas mendojn al la fabrikistoj, vi akiros gravecon sendepende de la lingvo kiun vi uzas.

Post tiu interŝanĝo de opinioj, la kunveno unuanime akceptas sekvantan rezolucion.

« La kunsido de la Esperantistaj Komercistoj kunvenintaj en Antverpeno okaze de la Universala 20a Kongreso de Esperanto prenas sekvantan rezolucion :

Konsiderante la grandan utilecon kiun prezentas Esperanto por la faciligo de la internaciaj rilatoj precipe en la komerco, la kunvenintaro petas insiste ĉiujn komercajn lernejojn kaj komercajn ĉambrojn urĝe enkonduki la instruon de la moderna komunika lingvo Esperanto. »

Ferminte la fakkunsidon de la Esperantistaj Komercistoj Sro DE KETELAERE malfermas la UNUAN INTERNACIAN BORSON. Li klarigas rapide la funkciadon de tiu nova provo praktike uzi Esperanton en Komerco. Ĉiu ĉeestanto priparolus dum tri minutoj maksimume la objekton de sia komerco, klarigante kiel ĝi povas konveni al internacia interŝanĝo. La celo estas krei novaj negocrilatojn.

Laŭ tiu plano, ĉiuj ĉeestantoj alparolis la kunvenon, kaj ni havis la plezuron vidi ke post la laŭvica parolado, pluraj interesitoj sin reciproke intervjuis ekzamenante eblecon de aferoj. Ĉar la persona interparolado restas privata afero, ne estas eble raporti ĉu negocoj rezultis aŭ ne, sed estas fakto ke Internacia Borso, kiel inaŭgurita en Antverpeno devos de nun okazi en ĉiu venonta kongreso .

---

## U. E. A. KAJ KOMERCA EDUKO

Pli gravaj ĉehoslovakaj superaj komercaj lernejoj aranĝas preskaŭ ĉiujare por siaj absolvontoj eksterlandajn ekskursojn, kies celo estas kompletigi kvarjarajn studojn per vizito de kelkaj centroj ekonomiaj kaj kulturaj, precipe de maro, tiom mankanta al Centro-eŭropanoj.

Atinginte necesan harmonion inter nombro de partoprenontoj, monrimedoj disponeblaj, daŭro kaj plano de efektivigebla vojaĝo, la gvidonto fervore ekkorespondas ordinare kun konsulejoj kaj porfremdulaj organizaĵoj por certigi al si restadon en koncernaj urboj. Alveninte eksterlanden, ekskursanoj kompreneble plej vigle rilatas kun samnaciuloj.

Alian vojon ekiris komerca akademio en Bratislava, slovaka ĉefkaj havenurbo, kie estis instruata esperanto kiel nedeviga lingvo. Kial ne aranĝi ekskurson dum libertempo helpe de esperanto kaj ĝia UEA, ĵus jubileanta? Kial ne vidigi al studentoj Antverpenon ne nur kiel eminentan havenon, sed ankaŭ kongresurbon ? Kial ne profiti tuj el

scio de helpa lingvo internacia kaj ne konvinkigi junajn homojn, ke ĝi estas tre bone uzebla kaj disvastigita?

Post matura pripenso sekvis preparoj kaj almenaŭ 25 delegitoj aŭ grupestroj en 18 urboj estis atakitaj per letero kaj cirkuleroj esprimantaj peton konsili aŭ zorgi pri loĝado, nutrado, gvidado au vizitprogramo en iliaj lokoj. La organizinto bone konsciis, ke estis kelkfoje malfacile por nefakuloj en turistaj aferoj kontentige plenumi menciitajn dezirojn kaj eĉ timetis ne sufiĉan helpemon, ĉar el 14 partoprenontoj 6 ne lernis esperanton. Sed la respondoj sekvantaj baldaŭ unu post alia montris, ke nenie mankis bona volo, helpi laŭeble, la vizito de plej gravaj lokoj estis baldaŭ certigita kaj kelkloke sukcesis delegito havigi al ekskurso avantaĝojn, alimaniere verŝajne ne atingeblajn.

Por ke la leganto havu imagon pri vojaĝo de studenta karavaneto kaj la meritoj de la delegitoj, estu citataj almenaŭ la urboj vizititaj: tra najbara Wien al antikva Nürnberg, bela Mannheim kun ĝia haveno, ĉarma Heidelberg, de Mainz al Koblenz vaporŝipe tra fama Rejnvalo, Köln kun ĝia « Pressa », belga ĉefurbo Bruxelles, neforgesebla Antverpeno, interesaj flandraj urboj Gent kaj Brugge, fama Ostende, agrabla marbanejo Oost-duinkerke, gravaj nordfrancaj havenoj Dunkerque, Calais kaj Boulogne, unua esperantista krongresurbo, bela Havenurbo Le Hâvre kun proksima Honfleur, multe plaĉa Rouen kaj nekomparebla Paris kun Versailles, fine bela Ĝenevo, centro de eŭropa internacia vivo, sidejo de nia kara UEA. Per rapida reveno tra centra Svisujo kaj Aŭstrujo finiĝis ekskurso daŭrinta preskaŭ kvar semajnojn.

Belgujo, nunjara kongreslando, estis ĉefa celo de la ekskurso kaj ĝia vizito komenciĝis en Bruxelles, kie loĝadon preparis s-o Brihay kaj dum preskaŭ unu tago ofereme gvidante, ĉion interesan al ni vidigis ges-oj Spielfiedel kaj Schweingruber. Atinginte sabaton vespere Antverpenon, studenta grupo tuj ĉeestis impresan solenan malfermon de la kongreso, dimanĉe ĝi partoprenis en grupo de kostumitaj ĉeĥoslovakaj gesamideanoj festan promenadon tra la urbo. Dank'al eksterordinara afableco de UEA-reprezentantoj s-oj Boeren kaj Schoofs ankaŭ la sekvantaj tri tagoj postlasis fortajn impresojn pri kongresaranĝoj kaj urbo mem kun ĝia vastega haveno. Alveninte en Gent la karavaneto estis tre bone akceptita de s-o dro Mast, en Brugge ĝi admiris ĉi-tiun flandran Venecion kaj fine ĝi atingis en Ostende sopiritan maron, kiun preskaŭ ĉiuj salutis unuafoje. Lastaj du tagoj pasiĝis agrable en marbanloko Oostduinkerke, kie Delegito s-o Benoit bonege zorgis, ke la studentoj povu plene refreŝigintaj daŭrigi sian vojaĝon en Francujon.

Multaj estis emocioj kaj spertoj akiritaj dum vojaĝo, sed plej gravas, ke ĉiu partopreninto konvinkiĝis, ke esperanto ne estas ia lingva ludilo, sed lingvo vivanta kaj helpanta en internaciaj rilatoj, kiu posedas bonegan organizon en sia UEA, reprezentata ĉie per tre oferemaj delegitoj. Al ili sinceran dankon deziron de plena sukceso. UEA vivu!

Prof. VLADO JUKL.

# PRI BESTPROTEKTO EN BELGUJO (*)

I. — En la mezepoko, la punaj leĝaroj ne celis, kiel nun, trafi nur respondeculojn. La tiam akceptitaj simplaj principoj postulis la punon de ĉiuj malbonagoj; se malutilo estis farita, venĝo necese devis sekvi, eĉ se ne ekzistis iu kulpo. Oni punis sendiference infanojn, frenezulojn kaj normalajn personojn. Do ne estas mirinde, ke oni faris unu paŝon pli kaj ke venĝo ankaŭ estis uzata kontraŭ bestojn, estaĵojn vivajn sed tute ne respondecajn. Se besto okazigis malfeliĉaĵon, ĝi estis juĝota kaj punota, eĉ per mortigo. Oni tiel kondamnis kaj ekzekutis bovojn, ĉevalojn, hundojn, ĉefe porkojn, ktp.

II. — Sed la tiama juro, kiu klopodis ŝirmi la homojn kontraŭ la bestoj ,returne ne malhelpis la kruelaĵojn uzitajn kontraŭ tiuj lastaj.

Eĉ modernaj leĝoj, kiel la Napoleona Puna Kodo, kiu estis aplikata en Belgujo ĝis 1867, ne enhavis iujn ordonojn punantajn besttorturojn.

En Francujo, kie tiu kodo ankoraŭ viglas nun, la leĝo nomita laŭ sia proponinto « loi de Grammont », estis akceptita la 2an de julio de 1850a por plenigi tiun mankon.

Jen ĝia traduko :

« Estas punotaj per monpuno de 5 ĝis 15 frankoj kaj povas malli- » berigi dum unu ĝis 5 tagoj, tiuj kiuj, publike kaj maljuste, faras » malbonagojn kontraŭ dombestoj. La malliberiga puno ĉiam estas » aplikata en okazo de rekulpo. Artikolo 453 de la puna kodo ĉiam estas » aplikebla. »

Tiu teksto estas iom ŝangita en la lastaj jaroj de la pasinta jarcento.

III. — Kiam la Napoleano Puna kodo de 1810 estis forigota en Belgujo, la redaktintoj de la leĝpropono pri nova puna kodo prenis la francan leĝon de 1850 kiel modelon, sed tamen faris al ĝi gravajn ŝanĝojn. Ilia propono estis akceptata kaj fariĝis artikolo 561, 5a de la Belga Puna Kodo de la 8a de junio 1867a. Mi esperantigas la tekston jene :

«Art. 561. Estas punotaj per monpuno de dek ĝis dudek frankoj » kaj per malliberigo dum unu ĝis kvin tagoj, aŭ nur per unu el tiuj » punoj :

......................................................

« 5e Tiuj kiuj kulpiĝis pri troegaj kruelaĵoj aŭ malbonagoj kontraŭ » bestojn. »

Por ke la puno estu aplikebla, estas necesaj tiuj kondiĉoj :

1º La ekzisto de kruelaĵoj aŭ malbonaj agoj troegaj supermezuraj (dum la franca leĝo kondiĉas agaĵojn nur malbonajn). Ekzemple : frapi ege, vundi ; troŝargi ŝargobestojn ; transporto de bestoj (kiel : bovidoj) premamasitaj en tro malvasta vagono aŭ kun ĉiuj piedoj kunligitaj ; k.t.p.

---

* La ĉi supra artikoleto estas la iom ŝanĝita respondo donita al S-ro Norbert Pitz, Gerichtsreferendar, en Köln, Germanujo okaze de peto farita de li en la jurnalo « ESPERANTO, organo de U.E.A.».

2° La agaĵoj devas esti uzitaj kontraŭ bestojn (en la franca leĝo, nur dombestojn). Sed laŭ la komentarioj, la teksto ne celas torturojn kontraŭ skarabojn, muŝojn, k.t.p.; ankaŭ ne la uzon de vermoj aŭ fiŝetoj kiel logilo por fiŝkaptado.

3° La agaĵoj devas esti sennecesaj; kvankam la leĝo ne postulas tiun kondiĉon, oni konsentas, ke neniu puno estas aplikota, kiam ekzemple, frapoj estas « necesaj» por dresado. (La franca leĝo kondiĉas, ke la torturoj devas esti «maljuste» uzataj).

La belga leĝo (malsimile al la franca) ne kondiĉas la publikecon; kaj ĝi celas la torturojn faritajn al la besto tiel de ĝia posedanto mem, kiel de krompersono.

IV. — Ĉar la supredirita artikolo 561, 5° nur subpremas troegajn malbonagojn, la leĝdonintoj ankaŭ balotis la numeron 6an de l'artikolo 361, punantan «tiujn», kiuj en bataloj, ludoj aŭ spektakloj publikaj faras torturojn kontraŭ bestoj».

Tiu artikolo ne postulas, ke la malbonagoj estu supermezuraj.

La kondiĉoj estas jenaj:

1° torturoj,

2° kontraŭ bestoj.

La kondiĉoj 1° kaj 2° estas klarigitaj ĉi-supre.

3° dum bataloj, ludoj au spektakloj.

La leĝdonintoj celis ĉefe la batalojn de kokoj, kiuj estis (kaj ankoraŭ estas) tre popularaj en kelkaj partoj de la lando. La artikolo ne trafas la organizadon mem de tiuj ludoj; ĝi nur estas aplikebla, kiam torturo estas farita, t.e. kiam koko estas vundita ,sed en tiu okazo la organizantoj de la bataloj estas punitaj, same kiel la personoj, kiuj metis kokojn en la luktejon.

La leĝo ne estas farita nur por la kokbataloj. La torludoj, kiuj tamen tre malofte estis organizataj en Belgujo, estas malpermesitaj per la sama artikolo.

Kontraŭe, la vetkurado de ĉevaloj, la ĉasoj, en kiuj kapreolo aŭ leporo estas mortepelitaj, la kantkonkurado de fringoj, k.t.p. ne estas malpermesitaj por si mem; sed se oni en tiuj uzas torturojn la leĝo estas aplikota, ekzemple: se oni devigas fringojn kanti ĝis morto .

Dum la diskutado de la leĝo en parlamento, estis dirite, ke pafado al kolomboj (en pafejoj, kie oni lasas kolombojn flugi unuope, kiel celo de pafo) ne estas malpermesata per la artikolo; oni asertis ke tio ne estas torturo, ĉar la birdoj estas mortigitaj. Sed, fakte, ili ofte nur estas vunditaj kaj longe suferas antaŭ morto. Tiuj pafejoj ne plu ekzistas en Belgujo; ili estas anstataŭitaj per ejoj, kie oni pafas al « artefaritaj kolomboj », t.e. argilaj diskoj suprenĵetitaj en la aeron per speciala maŝino.

4° La bataloj k.t.p. devas esti publikaj, t.e. farataj antaŭ ĉeestantaro. Por eviti la punon ne sufiĉas, starigi tiel nomitan klubon, en kies rondo la ludoj estas prezentataj.

V. — La urbaj regularoj enhavas kelkajn tekstojn pri bestprotekto; en Antverpeno, la loka polica kodo malpermesas la sennecesajn torturojn

de la bestoj buĉataj en la urba buĉejo (art. 496) kaj jungadon de hundoj inter flanktimonoj (art. 218).

La hundveturiletoj, kiuj estis tre multe uzataj (ekzemple: de laktovendistinoj) antaŭ tiu malpermeso, balotita en 1901, tute malaperis.

* * *

Post tiu klarigo de la leĝo ,oni rajtas demandi, ĉu art. 561, 5° kaj 6° de la Puna Kodo vere celas bestprotekton ?

Kelkaj verkintoj jesas tiun demandon: ĉefe: « Les Pandectes Belges sub vorto « Actes de Cruauté envers les animaux », kaj Edmond Picard, Essai sur la certitude dans le droit naturel, p. 75.

Tiu aŭtoro opinias, ke la bestoj laŭ «natura juro» havas proprajn rajtojn, kaj ke la dirita artikolo estas la unua paŝo al ilia rekono.

Aliaj opinias kontraŭe, ke la leĝo nur celas plidelikatigi la homajn morojn (vidu: Nypels, « Le Code Pénal Belge », komentario de artikolo 561a).

* * *

Estas notinde, ke la art. 561, 6° kondiĉas publikecon; ĝi do ne nur celas bestprotekton, ĉar la torturoj en ĉiuj lokoj, ĉu publikaj, ĉu privataj, estas egale kruelaj. Plue la diferencigo inter la kokbataloj unuflanke, la pafadoj al kolomboj kaj la ĉasadoj aliflanke montras, ke la leĝdonintoj ne volis protekti tiom la bestojn mem, kiom la sentojn de la homoj: ili intencis malpermesi la ludojn, kiuj estas ĝenerale malaprobataj, kiel la kokbataloj, nur ŝatataj en kelkaj regionoj; sed ili ne volis forigi aliajn amuzaĵojn, kies krueleco ŝajne ne estas egale sentita de la plimulto. Tio do estas ĉefe afero de antaŭjugo.

Ŝajne la numero 5a de la artikolo estas farita nur favore al bestprotekto, ĉar la kondiĉo de publikeco ne ekzistas en tiu okazo.

Sed, konforme al la parlamenta diskutado de la lego, ĝia apliko estas limigita al kelkaj bestoj (vidu supre III, 2°); oni povas diri, ke nur la vertebruloj estas «protektataj», sed ne la aliaj bestoj, kiuj tamen tre ofte estas torturataj. Ĉu la kaŭzo ne estus ,ke la altrangaj bestoj estas pli proksimaj al la homo, kaj ke tiu-ĉi pli sentas la malbonagon faritan al ili, ol al bestoj pli malsimilaj al ĝi mem ?

* * *

Ĉu oni do povas diri, kiel kelkaj aŭtoroj, ke la leĝo estas rekono de la rajtoj de la bestoj?

Ĉu tia leĝa protekto de la bestoj por ili mem eĉ estas ebla? Juro ja temas nur pri homa kaj neniel kapablas starigi rajton favore al estaĵoj vivantaj ekster ĝi. Tial la konfirmo de bestaj « rajtoj » en la Puna Kodo estas nelogika, same kiel la puno de malobeoj al bestaj « devoj » en la pasinteco. Paroli pri tiaj rajtoj kaj devoj, nur estus eble en orientaj religioj kaj filozofioj, interligantaj homojn kaj bestojn tiom, ke vere ekzistas socio ampleksanta ambaŭ. Sed tiu koncepto estas fremda al nia eŭropa juro.

Punante besttorturojn, nia leĝo do celas, kaj nur povas celi, plidolĉigon de homaj moroj kaj protekton de homaj sentoj, vundeblaj per malbonagoj kontraŭ bestojn; tiu principo cetere sufiĉas por pravigi la nunan leĝon kaj ĝian pliampleksigon, por ke ankaŭ la plej malgranda besteto estu protektata.

M. R.

## KATOLIKA PREDIKO DUM LA 20a KONGRESO,

**farita en la Katedralo, la 5an de Aŭg. 1928, de Pastro J. Font Giralt, el Gerona (Hispanujo).**

Mandatum novum do vobis: ut diligatis invicem sicut dilexi vos. Joan. XIII, 34.

Mi donas al vi novan ordonon : ke vi amu unu la alian reciproke, kiel mi amas vin.

Johano XIII, 34.

Estis alveninta la horo de la lasta vespermanĝo. Tiu horo, dum kiu Jesuo donis al siaj disciploj la plej grandajn, varmajn pruvojn de



Grupo de Kongresanoj sta

sia amo. Tiu horo, dum kiu Jesuo prenis tolaĵon, enmetis akvon en ujon kaj komencis lavi la piedojn de siaj disciploj, kvazaŭ Li, la Dia Majstro, estus la plej malnobla sklavo. Tiu horo, dum kiu Jesuo faris al Judaso la perfiduio, malgraŭ ke Li sciis bone la perfidon, la plej delikatan servon el ĉiuj, kiuj kutimiĝas ĉe la kunmanĝantoj en Orientaj Landoj, tio estas, oferdoni per la propra mano al gasto iun elektitan



Grupo de Kongresanoj en la urba p

pecon al la kunmanĝanto. Tiu horo, dum kiu Jesuo, pro amo, nur pro amo, estis stariginta la Sakramenton de la Eŭharistio, la plej delikata kaj saĝa solvo de la problemo : foriri kaj resti ĉe la homaro. Estis alveninta tiu horo, dum kiu la Sanktega Koro de Jesuo, brulanta pro la amo al Homaro, nesciis kion pluan fari por evidentigi tiun dian Amon, kaj en tiuj solenaj momentoj Jesuo diris al siaj disciploj : « Mi donas al vi novan ordonon : ke vi amu unu la alian reciproke, kiel Mi amas vin. »

Novan ordonon ! Ĉu vi aŭdis, diaj karegaj gefratoj en Jesuo ? Novan, novan... Ĝis tiam la Homaro ne konis la mezurilon de sia amo por la proksimulo. Oni estis aŭdinta pri amo al proksimulo, sed neniu



taŭ la Muzeo de Bel-Artoj.

sciis, kia tiu estas kaj ĝis kie devas etendiĝi tiu amo. Jesuo, la dolĉa, milda, kara Jesuo, estis doninta al farizeoj kaj al tuta Homaro la lecionon, responde al tiu demando : kiu estas mia proksimulo ?, kaj en la unua momento, en la momento de la superega paroksismo de sia Amo, Jesuo estis montrinta la mezurilon de la amo al tiu proksimulo : « Amu unu la alian reciproke, kiel Mi amis vin.»




parko antaŭ la muzika promenado.

Altan superegan limon, ĝis kiu devas etendiĝi la amo al la proksimulo ĉe la veraj disciploj de Jesuo! « Tiel ĉiuj konos ke vi estas miaj disciploj ,se vi amas unu la alian reciproke.» Ĝis kie? « Kiel Mi amis vin. »

Perfekte trapenetritaj de tiuj sentoj, la disciploj disvastiĝis tra la tuta mondo, tiam konata, per tiu mira, rapidega disvastiĝo, kiu estos iam neklarigebla de la homa kritiko kaj kiu estos ĉiam unu el la plej elokventaj pruvoj de la supernatureco de la doktrinoj de Kristo, kaj dekdu malkleraj nekonataj fiŝkaptistoj de Galileujo, tute aliigis la socian vivon de la mondo, pere de tiu **nova ordono** de Jesuo: « vi amu unu la alian reciproke, kiel Mi amis vin. »

Prezenti antaŭ viaj okuloj en rapidega filmo tiu aliigo de la mondo ĉe la eltuŝo de la ama ordono de Kristo, estos la temo de tiu ĉi prediko. Mi elektis ĉi tiun temon, ĉar mi estas tute konvinkiĝinta, ke se la sama kaŭzo produktas ĉiam la samajn efektojn, la reveno de la Homaro al tiu miriga ama ordono de Kristo, ĉiam nova kvankam malnova, redonos al la mondo la samajn fruktojn, kiujn ĝi reportis al Homaro antaŭ dudek jarcentojn.

* * *

Estas kutime, prezenti la Homaron sub la aspekto de organizita korpo, kaj tiel oni kutimas diri, ke la familio estas la ĉelo de la socia vivo. La komparo estas preciza. Sed, karaj gefratoj, estas malsano, kiu detruas la ĉelojn de la homa korpo. Terura malsano, kiu forprenas ĉiujare milojn kaj milojn da homaj vivoj; terura malsano, antaŭ kiu la kuracistoj deklaras siajn klopodojn vanaj, malgraŭ ke la plej eminentaj el ili sin dediĉas al akurata studo de tiu malfeliĉego de la Homaro: tiu malsano estas la kancero. Eble vi proprokule povis vidi en iu ulo la efektojn de la detruo de la ĉeloj per tiu terura malsano. Kompatinda malsanulo!!

Sed kiom pli multe kompatinda la Homaro, kiu en la momento de la apero de la doktrinoj de Kristo, havis sian ĉelon, la familion detruitan de tri teruraj kanceroj: la eksedziĝo, la despota aŭtoritato de l'patro kaj la sklaveco.

Se la doktrinoj de Kristo, se la Eklezio fondita de Kristo havus nur en sia bilanco de agado la malaperon de tiuj tri kanceroj de la Homaro, tio estus por Ĝi la plej granda gloro.

Estas certe, ke la familio baziĝas sur la libera akto de la volo de la du geedziĝantoj; ke sen la ambaŭa konsento la geedziĝo ne povas okazi, sed estas ankaŭ certe, kaj tion pruvas la plej elementa homa racio, kiam ĝi ne estas malklarigata de la volupteco, ke la unuiĝo, kiu stariĝas okaze de tiu ambaŭa konsento, estas nerompebla.

Venos uraganoj en la geedziĝa vivo; estos maltrankvilaj horoj por la paro, kiu reciproke ĵuris eternan amon; tiu amo malvarmiĝos... sed la doktrino de Kristo, la nova ordono, staras: « Amu vin reciproke unu la alian, kiel Mi amis vin. »

Nur tiel; nur pro tio, ke la doktrinoj de Kristo supernaturigis la geedzan amon estis eble al Eklezio forigi la moralan koruptiĝon de la

tiama civilizita mondo. Kiam la doktrinoj de Kristo enpenetris la koruptiĝintan societon, oni ne plu povis trovi en Romo virinojn, kiuj nombras la jarojn ne per nomo de la konsuloj, sed per la nomo de siaj eksedzoj.

Kaj kiam tiuj doktrinoj enpenetris la tiel nomatajn barbarajn popolojn, la detruintojn de la Roma Imperio, tiam ankaŭ la Eklezio devis kontraŭstari por bridi la pasiojn de la junaj, konvertiĝintaj popoloj, kaj, kiel diras la kataluna filozofo Balmes, « se la katolika Eklezio ne estus estinta, kiel bronza muro kontraŭ la volupteco, la palacoj de la princoj kaj kasteloj de la potenculoj baldaŭ estus havintaj siajn haremojn. Kaj kio estus okazinta al aliaj sociaj klasoj? Ili estus sekvintaj la saman marŝon kaj la eŭropa virino estus restinta en la fistato en kiu ankoraŭ nun troviĝas la musulmana virino. »

La vortoj de Kristo faris la miraklon : « Kion Dio unuigis, la homo ne disigu. » « Kiu forlasas sian edzinon kaj edziĝas kun alia, tiu adultas... » Kaj por mildigi tiun ordonon, severan al la homaj pasioj, ĉiam daŭre resonadas la nova ordono, la ordono de l'amo : « Amu vi reciproke unu la alian, kiel Mi amis vin. »

« Ĉu vi ne legis, ke Tiu, kiu kreis la homojn en la komenco ilin kreis viro kaj ino, kaj diris : « Pro tio la vivo forlasos sian patron kaj sian patrinon kaj unuiĝos kun sia edzino, kaj ili estos du en unu karno... ? » Tiuj vortoj de Jesuo al farizeoj mirige klarigas la celon de la geedziĝo: « esti du en unu karno. »

Dio la ĉionpova Kreanto, demetis en la paro ion de Sia Kreanteco, kaj la filo, karno de la karno de siaj gepatroj, estas la manifestado de tiu ero de la kreanta povo. Sed pro tio, ke la filo estas karno de la karno de siaj gepatroj, estos io propra, estos kvazaŭ longigo de la vivo de la paro, kaj laŭnatura instinkto, eĉ la sovaĝaj bestoj amas siajn filojn.

Ne tiel okazis en la mondo tiam civilizita. La filo havis neniun rajton; la patro povis atenci kontraŭ sia propra filo. Eble ni ne kredus pri la malamo al la filoj, se ni ne havus la ateston de gravaj historiistoj kaj la atestoj de la romaj leĝoj, precipe de la Leĝo de la XII Taboloj.

Kaj meze de tiu korkoruptiĝo venas la doktrinoj de Kristo prediki la amon al proksimulo. Kio pli proksima al la gepatroj, ol la karno de ilia karno, ilia propra filo? Kaj ĝis kie devas etendiĝi tiu amo al la filoj? « Kiel Mi amis vin. » Ĝis la heroeco, ĝis la sinofero... La doktrinoj de Kristo enradikiĝis en la socia vivo, kaj ni de tiam povas admiri la gepatran amon al la filoj ; ni de tiam povis vidi la belegan floradon, kiun donis tiu amo al la filoj, amo forta, amo heroa, amo ĝis la plej kuraĝa sinofero...

Kaj mi alvenis jam al la tria kancero, detruanto tiama de la socia korpo : la sklaveco.

Ĉiuj historiistoj konsentas, ke tiun mirigan aferon, ke la malaperon de tiu kancero de la civilizacio, oni ŝuldas nur al la doktrinoj de Kristo, kiuj devige devas porti la malaperon de la sklaveco.

La sklaveco estis nur ebla, ĉar estis ĝenerala sento laŭ kiu la sklavoj estis anoj de raso malsupera. Unu el la grandaj filozofoj de la antikveco sin demandas, ĉu la sklavoj havas animon kaj respondas nee. Kaj tiu ĝenerala sento nur povis esti detruata de supera lumo. La vortoj de Kristo estis surprizo por la Homaro. « Vi Ĉiuj estas fratoj, kaj kiel tiaj vi devas ami vin reciproke. » « Amu vi reciproke unu la alian, kiel Mi amis vin ». Kaj S-ta Paŭlo povis skribi: « Ĉe vi ne estas plu hebreoj aŭ idolanoj, liberuloj aŭ sklavoj: ĉar vi ĉiuj estas egalaj en Kristo Jesuo. »

La nova ordono de Jesuo, la amo ĝis la heroeco, kiel Mi amis vin malaperigis la tri kancerojn de la socia vivo, la tri kancerojn, kiuj detruante la socian ĉelon, la familion, estis detruantaj samtempe la civilizacion.

Se nun mi rigardas la socian vivon, mi vidas la samajn kancerojn detruantajn la vivon de la popoloj...

Niaj familioj malaperos... La kancero karnmanĝas la vivon de la nuntempa societo.

Serĉu ni la kuraciston, kiu devas esti Jesuo. Nia societo forkuris el la Dia Majstro; niaj generacioj ne konas Lin. Mi jam kelkfoje kriis, ke en la fasadoj de niaj preĝejoj ni baldaŭ povos skribi : « Al Dio nekonata ».

Kaj tamen Jesuo ĉiam estas aktuala. « Kristo hieraŭ, unu kaj por ĉiam... ». Li kiu kuracis la tiaman societon, estos ankaŭ la Ĉiela kuracisto de la societo nuntempa.

Ke Kristo estu konata, kaj Li estos amata, liaj doktrinoj portos konsolan refreŝigon al multaj koroj, Li savos la mondon.

Jen nia tasko kiel katolikaj esperantistoj : konigi Kriston al Homaro.

Ni, kiuj ne havas la lingvan baron, per nia helpa lingvo internacia konigu Kriston al ĉiuj mensoj, al tiuj, kiuj vivas en la mallumoj de la nekredeco kaj de la eraro, kaj Kristo lumigos ilin. Per nia helpa lingvo internacia konigu Kriston al ĉiuj koroj, kaj ĉiuj koroj amos Lin.

Kristo estu konata... Kristo estu amata... Kaj la fajro de la amo de Kristo savos la Homaron, nun kiel antaŭe pere de la ĉiam nova ordono : « Amu vi unu la alian reciproke, kiel Mi amis vin ».

## HEBREA DISERVO DUM LA 20a.

Malgraŭ la pluva vetero kolektiĝis sabaton la 4an de aŭgusto je la 9a, kelkcenton da samideanoj en la sinagogo Bouwmeesterstraat, por aŭskulti la esperantan predikon de s-ro Rektoro F. Saphra, al Annaberg (Germanujo). La prediko, kiu temis pri paco kaj interfratiĝo inter proksimuloj kaj malproksimuloj, kaj, farita je lia kutima elokventa maniero, restiĝis neforgeseblan bonegan impreson ĉe la aŭdintaro.

Antaŭ kaj post la prediko antaŭpreĝis S-ro Kantoro Melamedow, kies bela kantarto vere ĝuigis ĉiujn ĉeestintojn. Ni ankaŭ ne forgesu la bone ekzercitan virhoron, unu el la plej bonaj en Belgujo ,(kiu speciale por tiu okazo estis kunvokita, havante tiam libertempon), kiu tiel harmonie akompanis la kantoron. Menciinde estas ankaŭ, ke dum la

antaŭlegado de la Pentateŭho, la sinagogestraro donis la religiajn honorigojn nur al eksterlandaj samideanoj.

Ni ne volas preterlasi la okazon, tutkore danki, en la nomo de ĉiuj ĉeestintoj, la sinagogestraron, S-ron rektoron F. Saphra, S-ron kantoron Melamedow kaj la horon por ilia bonvola kunhelpo. E. U.

---

## FOTOGRAFAĴOJ PRI LA 20a KONGRESO.

Respondante nian peton, kelkaj samideanoj afable sendis al ni fotografaĵojn de ili kaptitaj dum la kongressemajno. Ni speciala dankas pro tio S-rojn Fred. A. Hamann, Wauwatosa (Usono), Ernesto Schweingruber, Orleans (Francujo), W. B. Cury, Burnley (Anglujo), F-ino Ine Peuterman, Rotterdam (Nederlando), S-inoj Elise Boden, Goerlitz (Germanujo), E. M. Kendrick, East Molesay (Anglujo), S-roj M. Dumerton, Cambridge (Anglujo), George Bury, Liverpool (Anglujo) kaj W. Kunnen, Dordrecht (Nederlando).

En la kongresfotografado havas certe la rekordon S-ro Fred, A. Hamann el Wauwatosa, kiu prenis 1400 fotografaĵojn, el kiuj li faris elekton, kiun li montros sur filmo en Budapest.

---

## PRI « BELGA ANTOLOGIO ».

La eldonlaboroj de la « Flandra Parto » regule progresas. Kiel promesite, la libro estos sendata senpage al la kongresanaj de la 20a tuj post apero. Ni tre petas la kongresintojn, kiuj havas alian adreson ol tiu, kiun ili enskribis siatempe sur sian aliĝilon, ke ili informu nin, por ke la sendota volumo certe atingu ilin.

Ni tre dezirus koni la nunan adreson de la kongresanoj n-oj 271 (S-ro De Vries), 282 (S-ro A. G. Batt), 1044 (S-ro M. C. Collinson), 1057 (S-ron Leon Goldbaum), 1432 (S-ino M. Kaptein), kies ekzemplero de la Franca Parto revenis kun mencio «Foririnta» aŭ «Nekonata».

---

Kun plezuro ni komunikas al la legantoj de «Belga Esperantisto» la enhavon de letero, kiun I. C. K. sendis al la eldonintoj de « Belga Antologio »:

Genève, 11. decembro 1928.

AL BELGA ESPERANTO-INSTITUTO
11, Kleine Hondstraat,
ANTVERPENO.

Tre estimataj, karaj samideanoj,

Kun granda plezuro ni ĵus ricevis la lan ekzempleron de la franca parto de l'Belga Antologio, kiun vi aperigis okaze de la 20a Universala Kongreso de Esperanto.

Permesu al ni, plej kore vin gratuli pro tiu ĉi bonega verko, kiu elmontras la grandegan zorgemon, kiun vi dediĉis al ĝi por kiel eble perfektigi ĝin. Gia kompilo estas signo por tio, kiom vi amas kaj ŝatas la literaturon de via patrolando. Sed ke vi sukcesis okupi vin pri tiu ĉi laboro, spite la pena kaj laciga preparlaboro por la kongreso, farita de

viaj societanoj, estas netaksebla pruvo pri la granda amo, kiun vi fidele konservas al Esperanto.

Ni sincere esperas, ke tiu ĉi eldono, samkiel la ankoraŭ sekvonta flandra parto, montrante la peradan rolon de nia komuna lingvo Esperanto, kunhelpos al kompreno kaj ŝato de via spirita vivo inter la esperantistoj de la tuta mondo.

Bonvolu, tre estimataj, karaj samideanoj, akcepti kun nia admiro pro via laboremo, la esprimon de niaj plej sinceraj kaj samideanoj sentoj.

Internacia Centra Komitato de la Esperanto-Movado :

John MERCHANT, Prezidanto. Robert KREUZ, Ĝenerala Sekretario.

## KOMUNAJ FOTOGRAFAĴOJ.

Dum la kongreso estis faritaj 2 grandaj panoramaj fotografaĵoj: 1e en la urba parko, antaŭ la muzika promenado, dimanĉon matene, 2e sur la granda ŝtuparo de la muzeo de Bel-Artoj. Tiuj du belaj fotografaĵoj estas ankoraŭ nun haveblaj. Prezo: po belg. Fr. 30 (Belgoj 6.); kun afranko po Belg. Fr. 32,— (Belgoj 6.40).

Oni mendu ĉe Belga Esperanto-Instituto, 11 Kleine Hondstraat, Antverpeno, kunsendante la monon per poŝtĉeko al No 1689,58, aŭ per poŝtmandato.

## PRI PRIKONGRESAJ PLENDOJ.

**Lasta vorto al la redaktoraro de « Heroldo de Esperanto ».**

Ĉiuj, kiuj venis al la XX-a Kongreso en Antverpeno, havis la okazon legi en nia revuo, la malfermitan leteron, kiun mi en ĝi publikigis, kaj kiu temis pri le raporto malserioza de « Heroldo de Esperanto » pri tio, kio tamen estas ĉiujare la plej grava fakto en nia movado.

Kvankam ni klopodis konservi en nia letero la ŝercan, humoran, iam certe iom kruela sed neniam insulta tono, S-ro Teo Jung ne ridis pri nia skribaĵo, kaj tio certe mirigos la multajn gekongresanojn, kiuj bonvolis sciigi al ni, ke ili ne malmulte ridis pri ĝi.

S-ro Jung kontraŭe tiom malkontentiĝis kaj koleriĝis, ke li iĝis malsana pro tio, kaj tion ni vere bedaŭras.

Ni precipe bedaŭras, ĉar tiel, ni ne havis la okazon legi respondon de li mem en sia ĵurnalo, sed nur la de J. B. (ĉu Juna Bubo ?) malbone kopiitan respondon, kiun li de sia lito diktis al li.

La Juna Bubo do aperigas sub sia propra subskribo, respondon al afero, pri kiu li nenion scias, kaj ne posedante argumentojn, kaj tamen eme defendi sian estron, li uzas la nuran rimedon, kiu estis je lia dispono: la insulto.

En artikolo halucinaci-plena, en kiu nia malfeliĉa nomo ripetiĝas dekses aŭ deksepfoje, li akre kritikas nian humoron, kiun li taksas kiel malmultekostan, opinio pri kiu ni tute konsentas: la raporto de S-ro Jung estis tiom ridinda, ke vere la humoro elspruĉis el nia plume, ne postulante de ni lacigan laboron. Li plie insultas, insultegas, parolas pri malpuraĵoj, en stilo kaj kun terminoj, kiuj havas sian lokon en la nenomebla ĉambreto sed ne en ĵurnalo, kiu emas iĝi la ĵurnalo de la Esperantistaro.

Ni nur diros al tiu Juna Bubo, ke ni ne ekkonis la koleron de lia ĉemizo, kaj ke ni ne deziras ĝin ekkoni; ke li cetere nenion respondis al nia argumentado.

Al S-ro Jung ni respondos, ke tute ne estas kuraĝoplena, agi kiel li faris. Ni bone komprenas, ke li staras multe pli alte ol ni, kaj ke muŝo ne enuas elefanton, sed se oni sin konsideras kiel elefanto, oni ne petas azenon, per ĝia vosto forviŝi la muŝon.

Oni lasas ĝin grati. Maurice JAUMOTTE.

———

# BELGA KRONIKO

**ANTVERPENO**, « La Verda Stelo ». — Decembro : Sabaton 1an, ni havis la ĝeneralan monatan kunvenon, dum kiu ni precipe priparolis la organizon de la diversaj festoj per kiuj ni finigos 1928. Sabaton 8an, je l'okazo de Sankta Nikolao-festo ni havis paroladon deS-ro W. De Schutter kiu priparolis la plej bone konatajn rakontojn por infanoj, ankaŭ popolajn legendojn. Lumbildoj agrabligis tiun vesperon kaj aplaŭdoj pruvis, ke ĉiuj aŭskultantoj dankis kore la parolinton.

Sabaton 15an « La Verda Stelo » volis honori la memoron de nia Majstro kaj organizis « Zamenhof-feston ». En la salonego, kie estis aranĝita la akceptejo dum la Kongreso, ekspozicio, nur de verkoj de nia Majstro, estis vizitata de multaj gesamideanoj. La esperanta flago kaj la standardo de la Antverpena Polica Grupo esperantista staris malantaŭ honortablo. Samtempe la 20a Kongres-Komitato estis invitinta la personojn, kiuj kulaboris je la sukceso de la Kongreso kaj estis ege granda ĉeestantaro. S-ro O. Van Schoor, Prezidanto de la Organiza Kongres-Komitato dankis ĉiujn kunlaborantojn kaj S-ro Schoofs, Ĝenerala Sekretario de la L. K.K., proklamis la nomojn de la personoj al kiuj honoraj dankdiplomoj estis prezentataj. «La Polica Grupo Esperantista» sendis delegacion. S-ro Zwanepoel akceptis la dankojn je la nomo de la Grupo. La Brusela Grupo Esperantista estis reprezentita de S-ro Kempeneers, Prezidanto, Groj Brihay kaj F-ino Benninck, la Grupo « Al Triumfo » el Sankta Nikolao, de sia Prezidanto S-ro Geerinck.

Post tiu solenaĵo S-ro Iv. Krestanoff, bulgara samideano, membro de Lingva Komitato, parolis al la multnombra ĉeestantaro pri sia lando, per pitoreska kaj flua lingvo li komunikis diversajn interesajn detalojn pri la ekonomia vivo kaj pri la moroj kaj kutimoj de la bulgara popolo. Longdaŭra aplaŭdo rekompencis la oratoron.

La saman vesperon « La Verda Stelo » okazigis la diplomdisdonojn de l'honoro de la sekvantaj diplomitoj :

el la kurso gvidita flandralingve de F-ino Jacobs: kun la plej granda merito S-ro Noterman Floris, 97; S-ro De Ceuster, Frans, 95.5; S-ro Mertens, Corn. 90; kun granda merito: S-ro Calders, Osc., S-ro Snieders, Aug., S-ro Van Roey, Frans, S-ro Deveux, Flor., S-ro Adriaensen, J. E.; kun merito : S-ro Luypaers, Fr., S-ro Van Putte, H., S-ro Bosman, Alph., S-ro De Weert, L., S-ro Scherlinx, Arm.; sukcesis: S-ro Kalfus, S-ino Verbaere, F-ino Lemmens, F-ino Bayens;

el la kurso franclingve gvidita de S-ro De Ketelaere: kun la plej granda merito : S-ro Max Bolsius; kun granda merito : F-ino Merckx, Ch., F-ino Wachsmuth, Joh., F-ino Deneer, Alex;

el la kurso gvidita franclingve de S-ro Schiffer : kun la plej granda merito : F-ino Muls, Paule, 97., F-ino Van Pee, Lydie, 94.5, S-ro Van Reybroeck, Ch. 92, F-ino Muls, Marg. 90.5; kun granda merito: F-ino Herinckx, Liv., S-ro Kolatchewsky; kun merito: F-ino Claeyssens, Yv., 77.5, F-ino Uleners, B.; sukcesis: S-ro Frati, R., F-ino Friedberg, M.;

el la kurso flandralingve, gvidita de S-ro W. De Schutter: kun la plej granda merito : Jackont, W., 97., S-ro Kennis, Jos., 95 ; kun granda merito: S-ro Borgognon, Eug., 85; S-ro Pais, F-ino De Roover, S-ro Horsten; kun merito: F-ino Gras, S-ro Wouters, F-ino De Vos, F-ino Sipido; sukcesis: S-ro Grimbers, F-ino Gras, Fanny, F-ino Van Cant.

Sabaton 22an: intima Kristnaskfesto kunigis la Membrojn ĉirkaŭ la bele ornamita arbeto plena je surprizoj kaj donacetoj. Loterio tre amuze organizita plenigis la grupan kason kaj plenigis je ĝojo kaj amuzo la atmosferon.

BRUĜO : La 11an de Decembre nia bulgara Samideano Ivan krestanoff, vizitis la grupon kie li paroladis pri « Bulgarujo kaj Esperanto ». Li interesis la ĉeestantaron pri sia lando kie Esperanto estas tre disvastigita kaj konsiderata kiel « kormalfermilo », kiu ebligas la popolojn, precipe la malgrandajn, pli facile sin konatigi kaj alproksimiĝi. Laborante por Esperanto oni do servas la pacon ! La sukceso de S-ro Krestanoff estis granda.

BRUSELO. — **Brusela Grupo Esperantista.** — La programa de tiu monato estis speciale interesa :

Lundon la 3an: Parolata jurnalo - Amuzajoj.

Lundon la 10an: Parolado de S-ro Durieu, Prezidanto de la Universitata Grupo Esperantisto, pri: «La Franca Socio, dum la XIX jarcento».

Lundon la 17an: Parolado de S-ro Krestanoff, bulgara samideano pri «Bulgarujo, lando, popolo, kutimoj».

Lundon la 24an: okaze de la Kristnaskfesto, intima festeneto; poste festeto kun tombolo.

Lundon la 31an: Amuza vespero. Post la kunveno, dancado, demokrata noktmanĝo: mituloj kun fritajoj.

La parolado de S-ro Durieu, kiu nur esperantiĝis antaŭ unu jaro, estis treege interesa; li tre bone montris la evolucion de la socio, dum la XIXa jarcento. La sukceso de S-ro Durieu estis granda kaj tiom pli granda ke li parolis antaŭ niaj bruselaj amikoj la unuan fojon. Antaŭe, li neniam aŭdigis sin en esperanto.

La sekvantan semajnon, ni havis la grandan plezuron gastigi, ĉe nia grupo, nian tre bone konatan bulgaran samideanon S-ron Krestanoff, lingvan komitatanon.

Dum unu horo kaj duono, li ĉarmis la ĉeestantaron priskribante sian landon, klarigante la kutimojn de la popolo, kaj invitante nin viziti multajn bulgarajn urbojn pri kiuj li montris diversajn vidaĵojn. Li klarigis ankaŭ la grandan simpation de la Bulgaroj al la Belgoj : « Ni

havas ambaŭ, li diris, malgrandan patrujon, tre belan rilate al pejzaĝoj; plie la bulgara Konstitucio estis farita laŭ tiu de Belgujo, kaj fine, oni multe lernas la francan lingvon en Bulgarujo. Post la parolado, S-ro Krestanoff rikoltis multe da aplaŭdoj kaj metis sin je la dispono de la bruselaj samideanoj kiuj deziris specialajn sciigojn pri lia lando.

Lundon la 24an, okaze de Kristnaskfesto, kelkaj bruselaj samideanoj kuvenis je la 7½ kaj verpermanĝis intime. La manĝado estis tre agrabla: oni babilis, oni rakontis historietojn kaj oni bone manĝis. Je la 9a okazis vesperfesteto: oni kantis, oni dancis oni ridis kaj je la 10a oni disvendis biletojn por tombolo tre bone organizita de S-ro Spielfiedel, la tre zorgema kasisto de la Grupo. Preskaŭ ĉiuj samideanoj gajnis lotojn, ĉu komikajn, ĉu utilajn, ĉu agrablajn. Fraŭlino gajnis belan kuseneton broditan kun verda stelo; oni eĉ disdonis virinornamaĵojn, speguletojn, k.t.p. Ĉirkaŭ la 12a, ĉiuj disiris, tre kontentaj pri la festeto.

Kaj la Bruselanoj finis la jaron en la plej amika ĝojo la 31an de decembro; dum la tuta vespero, ili kantis, ili dancis ili ridis kaj post la 12a, kiam jam datumis la Nova Jaro, ili gaje ĉiuj kune, iris en fritejon por manĝi mitulojn kaj fritaĵojn.

GENTO. — La grupanoj regule kunvenas ĉiumerkrede en urba lernejo, kie okazas interesaj interparoloj. S-ro Krestanoff ankaŭ vizitis la grupon kaj faris plej bonan efikon sur la novajn samideanojn montrante al ili kiom Esperanto estas bela lingvo, kiun oni kapablas tre flue paroli.

KORTRIJK (COURTRAI). — La kurso gvidata de S-ro Advokato Groverman eksterordinare bone sukcesas; pli ol 155 gelernantoj ĝin ĉeestas tre regule kaj baldaŭ ni havos tie aron da bonaj Esperantistoj.

SANKTA NIKOLAO. — Kurso okazas ĉiumerkrede ĉeestata de multaj gelernantoj eĉ el la najbaraj vilaĝoj. Malgraŭ la malbela vetero ili plej laŭdinde sekvas regule la lecionojn.

Kiel kutime la festo organizita okaze de Kristnasko plej bone sukcesis. Multaj grupanoj kaj 11 gesamideanoj el Aalst (Alost) ĝin ĉeestis. Dum la tuta festo regis plej kora samideana spirito en tre amiko kaj plezura atmosfero. El Dublin alvenis sukcesdeziron kaj S-ro Hansch, protektanta membro de la grupo, el eksterlando sendis koran saluton. La prezidanto, S-ro Geerinck, profitis la okazon por laŭdi la Sekretarion, S-ron Van Gendt, kiu ĉiam tre ageme prizorgas nian aferon ĉe la industriistoj kaj komercistoj. Dankante, S-ro Van Gendt aplaŭdigis S-ron Geerinck, ideala kaj amata prezidanto, kaj transdonis al li donace belan libron ĵus senditan de S-ro Hansch. Post ĥoroj, kantoj, deklamaĵoj kaj monkolekto, kiu produktis 111.50 fr. por la grupa propaganda kaso, okazis la disdono de la belaj donacoj per kiuj la Kristarbo estis kovrita; ĉiu ĉeestanta ricevis agrablan surprizon. Fine, S-ro Geerinck fermis la kunsidon dankante la ĉeestantaron kaj precipe F-inojn Vanhoeyweghen, Decock, Vanhaver, Poppe, S-ro Duerinck, Vallaert, Vanuytfanck kaj Dekegel, kiuj sin oferis por la sukceso de la festo. Por stimuli la novajn geanojn, S-ro Geerinck loterie donacis 4 enskribojn kiel membro

de U.E.A. Gajnis ilin F-ino Vanhoeyweghen, S-roj Tomme, Debelie kaj Vallaert. Plej imitinda ekzemplo!

VERVIERS. — La 15an de decembro la grupo festis la 20an datrevenon de sia fondiĝo kaj samtempe la memorigan tagon de nia Majstro. S-ro Hérion, prezidanto, malfermis la kunsidon kaj gratulis la membraron. Poste li konigis la historion de la grupo de l'komenco ĝis nun. Li memoris la ĉiuspecajn malfacilaĵojn venkotajn de la unuaj pioniroj, kiuj, malgraŭ ĉio, energie laboris kaj sukcesis antaŭen puŝi nian Esperantan aferon. S-ro Hérion dankis tiujn fervorulojn kaj ne forgesis niajn karajn formortintojn, al kiuj li sendis emocian memorpenson. Poste li havis la plezuron gratuli la du restantajn membrofondintojn de la grupo: S-ro Pirnay, Honora Prezidanto kaj F-ino Assenmaecker, kiu, de 8 jaroj ŝpareme zorgas la financojn de la grupo kaj estas modela kasistino. Kiel atesto de dankemo F-ino Assenmaecker ricevis, krom garbo de floroj, belan hungaran brodaĵon. Kun emocio ŝi dankis ĉiujn ĉeestantojn. La « Espero » fermis la oficialan parton de la kunveno. Sekvis kantoj, babilado; oni trinkis je la sukceso de la grupo kaj oni disiĝis tre kontenta pri la vespero kaj promesante fervore daŭrigi la batalon por la fina sukceso de Esperanto !

## GRATULOJ

Al **Fraŭlino Melanie De Cock**, membrino de « La Verda Stelo », Antverpeno, kiu edziniĝis la 27an de Decembro, kun S-ro Kamiel Van Den Broeck, el Boisschot.

---

## NEKROLOGO

**S-ino Victor Bouckaert-Musschoot**, membrino de « La Verda Stelo», Antverpeno, mortis 59-jara, la 7an de Decembro. Al la funebranta edzo kaj niaj gesamideanoj S-roj Albert Piroton-Musschoots ni prezentas niajn plej sincerajn kondolencojn.

---

## LA MALKARAJ DOMOJ EN BELGUJO

Okaze de la 20a multnombraj kongresanoj havis la okazon viziti la malkarajn domojn de la « Antverpena Societo por malkara loĝigo », kies prezidanto estas S-ro Alfred Cools, Senatano kaj Skabeno de financoj en Antverpeno, la sekretario de la societo, S-ro Frans Schoofs, gvidis la viziton kaj donis la necesajn klarigojn, respondante al multaj demandoj de interesitaj gesamideanoj. Ĉi tiuj retrovos en nuna kajero de nia revuo kelkajn bildojn de la grandiozaj domkompleksoj, kiujn ili povis admiri.

La Societo de Antverpeno konstruis ĝis nun kvin grandajn kvar etaĝajn kompleksojn enhavantajn entute 892 loĝejojn, en kiuj loĝas 2600 personoj. Ĉiu loĝejo enhavas familian ĉambron, malgrandan kuirejon

kun provizoŝranko, 2 lavkuvoj kaj necesejo, larĝan balkonon, kelon kaj unu, du, tri, kvar aŭ 5 dormoĉambrojn. Ĉiu loĝejo havas siajn apartajn instalajojn de elektra lumo, gaso, akvo. La forigo de la mastrumaj malpuraĵoj okazas per larĝaj betonaj kamenoj kun aperturo sur ĉiu



Domaro kun 141 apartamentoj.

balkono kaj ĉe kies malsupro, en bone ŝlositaj ŝrankoj, staras la malpuraĵujoj, kiuj estas regule malplenigataj de la urba puriga servo. Vastaj internaj kortoj (ludejoj) kaj ĝardenoj agrabligas la tutan aspekton de la konstruaĵoj.



Fasado de 2 kompleksoj kun entute 231 apartamentoj.

Inter la 892 loĝejoj 14 estas kun 1 dormoĉambro, 65 kun 2, 433 kun 3, 68 kun 4 kaj 8 kun 5 dormoĉambroj.

La luprezoj nun estas por la loĝejoj kun 3 dormoĉambroj: sur la teretaĝo belg. fr. 185 (Belgoj 37), sur la unua etaĝo b. fr. 170 (B. 34),



Parto de fasado. — Loĝejo de pordistino antaŭ la interna korto.

sur la dua b. fr. 145 (B. 29), sur la tria b. fr. 125 (B. 25), sur la kvara b. fr. 115 (B. 23) monate, inkluzive ĉiuj impostoj. Konsiderante eĉ antaŭvidatajn plialtigojn proksimajn de ĉ. 40%, tiuj prezoj estas tre malaltaj rilate al la ĝeneralaj lokaj vivkondiĉoj.



Interna ĝardeno. — Malantaŭa fasado kun balkonoj.

Krom tiuj grandaj domaroj lokitaj en la suda parto de la urbo, la societo entreprenis konstruon de ĝardenurbo en la norda parto, apud la grandaj havendokoj, regiono en kiu ĝis nun ne ekzistis loĝokazoj. Tiu ĝardenurbo ampleksas proksimume 23 hektarojn kaj enhavas trideko da novaj stratoj, el kiuj 20 jam estas preparitaj kaj en kiuj jam estas konstruitaj 3 domaroj trietaĝaj kun 36 loĝejoj kaj 180 unufamiliaj dometoj kun ĝardeno. Ĉi tiuj dometoj konsistas el 6 aŭ 7 ĉambroj kaj povas esti vendataj laŭ la premiosistemo leĝe starigita en la lando. En tiu nova ĝardenurbo nun loĝas milo da personoj.

La loka societo, kies kapitalo atingas Belg. fr. 13.010.000,— havas la kooperativan statuton kaj konsistas el la Belga Ŝtato, la urbo Antverpeno, la provinco Antverpeno, kelkaj lokaj bankfirmoj kaj privatuloj. Ĝi estas aliĝinta al la Nacia Societo de malkaraj Loĝejoj, fondita laŭleĝe en 1919, kiu grupigas proksimume 300 lokajn societojn en la tuta lando. La kapitalo de la lokaj societoj rajtas ĝui dividendon, kiu tamen ne povas superi 5%.



Konstruata komplekso kun 304 apartamentoj.

Por konstrui loĝejojn la societoj rajtas pruntepreni de la Ŝtato sumojn ĝis entute la kvinoblo de sia subskribita kapitalo. Ili rajtas vendi siajn unufamiliajn domojn al familioj neriĉaj, kiuj, disponante malgrandan parton de la aĉetoprezo, ĝuas premion de la Ŝtato kaj de la provinco, kaj prunteprenas la reston (ĝis maksimumo de 75%) de laŭleĝe kreitaj kreditsocietoj. Ĉi tiuj ricevas la necesan kajitalon de la Ĝenerala Ŝparkaso. La aĉetantoj de la domoj pagas rentumon de 5,75% kaj repagas la ŝuldon en 5, 10 aŭ 15 jaroj per monataj pagoj enhavantaj kapitalon kaj rentumon.

# LA INSTITUTO SUPERA DE KOMERCO DE ANTVERPENO

Sur la paĝoj de nia revuo aperis dum tiu ĉi jaro diversaj artikoloj kun priskriboj pri nia urbo, pri ĝiaj vidindaĵoj. Ili ne estis adresitaj al niaj antverpenaj geamikoj, kiuj ilin ja bone konas, sed al la samideanoj el ĉiuj mondpartoj. Efektive, dum tiu ĉi jaro « Belga Esperantisto » estante la oficiala organo de nia Dudeka Mondkongreso, disiris en la tutan mondon, en la plej diversajn landojn.

Tre diversaj nacianoj eksciis do, antaŭ ol viziti nian urbon, pri ĝiaj vidindaĵoj. Nun la kongreso estas for, ili estis inter ni, vidis la diversajn aĵojn, kaj reiris hejmen kun personaj impresoj. Nun ni ne intencas aldoni pliajn priskribojn, sed ni volas ilin informi pri alispeca institucio el nia urbo, t.e. pri la Instituto Supera de Komerco de Antverpeno.

Tiu-ĉi altlernejo fondiĝis en la jaro 1852 kaj komencis regule funkciadi en 6853. Oni ĝin starigis ĝuste en Antverpeno, ĉar tiu estas la ĉefa haveno de Belgujo, la koro de ĝia internacia negocado. Ĝi rapide ekfloris kaj altiris la atenton ne nur de la Belgoj, sed ankaŭ tiun de multaj eksterlandanoj, kiuj venis, ofte el tre malproksimaj landoj, por sekvi tie ĉi la kursojn gvidatajn de kompetentaj fakuloj. Kaj tiom famiĝis tiu-ĉi institucio, tiom are alvenadis la fremduloj, ke ili baldaŭ egalis la nombron de la belgaj studentoj kaj nuntempe eĉ superas ĝin. Por klarigi tiun ĉi fakton — ŝajne strangan — ni rapidu aldoni ke la Belgoj vizitas ankaŭ aliajn naŭ ekzistantajn samspecajn lernejojn, elektante laŭeble tiun plej proksiman de ilia hejma urbo, dum la eksterlandanoj plej ŝatas la fama konatan Antverpenan Instituton, kiu do fakte estas internacia renkontejo de nacianoj plej diversaj.

Ĝia programo ricevis la plej flatajn laŭdojn de multaj fremdlandaj kompetentuloj, ofte direktoroj de similaj altlernejoj, kiuj venis por studi la organizon de tiu ĉi instituto.

Speciale estis laŭdata la kurso pri « Komerca Kontoro », kiel la « sendube plej perfekta en Eŭropo, pro la rimarkinde multnombraj horoj kaj la granda zorgo rezervataj al tiu ĉi parto de la instruado ». Efektive, al tiu kurso oni dediĉas 11 horojn ĉiusemajne en la unua kaj 10 horojn en la dua studjaro. La karakteriza trajto de tiu ĉi kurso estas ĝia praktika eco, kiu devas laŭeble respeguli la ĉiutagan vivan laboron de komerca oficejo. En la tria studjaro okazas kursoj pli ampleksaj, pri **Financaj Sciencoj kaj Bankoj, Asekuroj, Speciala Librotenado, Moderna Organizado. de la Aferoj.**

La ĉefaj eŭropaj lingvoj estas plej atente zorgataj. La franca lingvo estas deviga por ĉiuj studentoj. La flandra — dua lingvo de la lando — estas deviga nur por Belgoj. Krome ĉiu studento devas sekvi kursojn de du lingvoj, laŭ elekto inter la jenaj: Angla, Germana, Hispana, Itala, Portugala, Rusa, sed unu el la du elektataj devas esti aŭ angla aŭ germana.

Al tiu ĉi ĉefa kerno aldoniĝas aro da kursoj de ĝenerala kaj speciala

kulturo, celantaj kompletigi la teorian instruitecon de klera komercisto: Juro Civila, Komerca, Dogana Leĝaro, Ekonomio Politika, Historio de Komercaj Doktrinoj, Geografio Ekonomia, Negoceblaj Produktaĵoj kaj Komerca Ĥemio, Ŝipkonstruado kaj -Armado, Statistiko.

Por la specialaj fakoj de l' tria studjaro, diversaj pliaj: Konstitucia kaj Administra Juro, Konsula Juro, Marjuro, Kompara studo de la naciaj kaj internaciaj havenoj, Transportado, ktp.

La studoj daŭras du jarojn. Post la koncernaj ekzamenoj oni ricevas ŝtatan diplomon de « Licenciito en Komercaj Sciencoj ». Ekzistas ankaŭ tria jaro por specialiĝo. Post ekzameno en laŭelekte unu el la kvar fakoj: Sciencoj Financaj, Dipomatiaj, Maristaj aŭ Koloniaj, oni ricevas respektivan diplomon.

La programo estas cetere sufiĉe plena: 5-6 horojn ĉiutage, sed dank' al la kompetenta profesoraro oni havas, fininte siajn studojn, seriozan bazon por eniri la vivon tiom multflankan de la moderna komerco.

Por eniri oni devas esti jam fininta komercan lernejon. Sed ankaŭ finintoj de liceo estas akceptataj, post diferenca ekzameno pri Librotenado Komerca Aritmetiko kaj angla aŭ germana lingvo. Oni povas eniri ankaŭ sen posedi ian antaŭan diplomon, sed tiam oni devas subiĝi al enira ekzameno pri la ĉefaj fakoj de l' licea instruplano.

Ĉe tiuj eniroj oni faras severan elekton, ĉar la Komerca Instituto ne devas esti rifuĝejo de ĉiuj senvalorulоj malsukcesintaj en la universitataj fakultatoj. Oni postulas preparon egalan al tiu demandata por eniro en universitaton. Kaj la juĝantaro zorgas, ke eniru nur sufiĉe-preparitoj, por ne malaltigi la nivelon de la instruado.

La kursoj pri Negoceblaj Produktajoj kaj Geografio Ekonomia estas speciale interesaj pro la lumbildaj klarigoj ĉiukaze donataj. La kolekto de diapozitivoj nombras nun je 11.573 pecoj. En la modela Eksperimentejo la studentoj havas la okazon fari praktikajn eksperimentojn ĥemiajn, sub la gvidado de la profesoro pri Negoceblaj Produktaĵoj.

Biblioteko ampleksanta 8.685 fakajn verkojn en 12.600 volumoj plifaciligas la studadon, kiel ankaŭ la 75 abonitaj periodaj revuoj kaj ĵurnaloj.

La licenciitoj jam de multa tempo fondis organizaĵon: Rondo de la Eksstudentoj, kaj dank' al ĝi ili ne perdas la interligon eĉ disirinte en la plej kaŝitajn angulojn de l' mondo. Ĝia celo estas:

Starigi regulajn kaj intimajn rilatojn inter la anoj.

Stimuli inter ili la komercan entreprenadon.

Propagandi la emon al studoj pri komercaj kaj kuraĝigi la studantojn de l'Instituto, havigante al ili eventuale librojn rilatantajn al komerco.

Fondi stipendiojn por junuloj neriĉaj, farintaj bonegajn studojn en la mezaj lernejoj.

Studi la komercajn demandojn nuntempajn.

Defendi la rajtojn donatajn aŭ donotajn de la diplomo.

Finante, ni esprimu nian esperon, ke tiuj ĉi klarigoj allogos al nia urbo studemulojn, kiujn ni jam de nun tutkore bonvenigas.

S. PRAGER.

Prezidanto de la « Esperanto Grupo de la I.S.K.A.»

P. S. — Laŭ statistiko en la studjaro 1926/27 vizitis la Instituton 345 studentoj, el kiuj: 218 en la unua studjaro, 98 en la dua kaj 29 en la tria. Laŭnacie ili dividiĝas jene: 95 Belgoj kaj 250 eksterlandanoj el kiuj: Bulgaroj: 14, Ĉeĥoslovakoj: 5, Italoj: 1, Jugoslavoj: 5, Kaŭkazanoj: 1; Latvoj, 7, Litovoj: 11, Luksemburganoj: 16, Nederlandanoj: 4, Norvegoj: 1, Poloj. 99, Rumanoj: 57, Rusoj: 7, Svisoj: 2, Turkoj: 1.

---

# FLANDRA KAJ VALONA MUZIKO

Estus malfacile, koncerne la muzikon, paroli pri Belga Skolo. Pli facile estus, kaj pli logike, se ni ambaŭ rasojn — Flandrojn kaj Valonojn — kiujn la ŝtato Belgujo entenas egalmaniere priparolus.

Rasokunrilateco kaj specifaj specialecoj kiel tie estas, emo por koloro kaj movo kaj larĝa liriko por la Flandroj, pli delikata, subtila harmonio kaj sentodisvolviĝo por la Valonoj, jam baro estas, sufiĉe netransirebla por unuigo kiu ebligus paroli pri Belga Skolo, tiom pli, ke nek al la unu, nek al l'alia grupo oni povus riproĉi malpli da merito.

Nek pri la Flandroj, nek pri la Valonoj oni povus diri, ke ili ne tute vivas per sia propra sentoatmosfero. Male: konscia scio, kun la esprimo de pozitiva spirito en propra medio estas certe por ambaŭ karakteriza tiagrade ke, ĉu konscio, ĉu pli ĝuste pozitiva spirito pli maloportuna ŝajnis ol oportuna. Sekve ili estis malhelpaĵo por la eniĝo de freŝaj, eksteraj lokodonaj fluoj, kiuj aliloke puŝis la muzikon sur novajn vojojn! Ĉu tio signifas, ke la Belga muziko estas pli malpli malprogresinta? Tute ne. Nur mankas al ĝi la mova forto kiu subtenita de aventura emo, faciligas la artan evoluadon.

Pioniro-laboro ne ŝajnas esti karakterizo de niaj muzikverkistoj, kio mirigas kiam oni scias, ke la Flandraj polifonistoj kun en la fronto homoj tiaj, kiaj Josquin des Prés (Hainaut 1450-1521), Adriaan Willaert (Brugge 1480-1562), Roland de Lattre (Mons 1530-1594) k.a. donis la tonon al la muzikanta kaj muzikamanta mezepoko. Miriga ankaŭ estas, ke ili donis al la muziko sufiĉan tension por prepari disvolviĝon foririntan de ili al la Italoj ĝis Bach, Mozart, Beethoven k. t. p. Nun ankoraŭ ili donas, pli ol unu fojon, la inspiron al efektivigo de tiel dirita, « ekstrema moderna politoneco ».

Karakteriza estas por ambaŭ rasoj la komuna prefero por la folklora elemento en siaj verkoj — laŭ ni — klaraj pruvoj kaj esprimo de tiu pozitivismo, tiom pli, ke ĉu Flandra, ĉu Valona muziko, restis fermita por la enmiksiĝo literatura, kiu multe helpis inter alie, je la nuna stato de la Franca muziko. Ĉu ni devas tion bedaŭri aŭ ne?

Estas fakto, ke la folkloro, kaj ĝi sola, dum la lasta jarcento, la

ĉefa apogilo estis, je kelkaj vidpunktoj eĉ la sola estorajto de la Flandra kaj Valona muziko.

La muzikverkistojn: Peter Benoit (Harelbeke 1834 - Antverpeno 1901), F. A. Gevaert (Huysse 1828 - Bruselo 1908), Jan Blockx (Antverpeno 1851-1912), Paul Gilson (Bruselo 1865), Grétry (Liège 1741 - Parizo 1813), César Franck (Liège 1822 - Parizo 1890), Th. Radoux (Liège 1835 - 1911), Jos. Jongen (Liège 1873) kiuj estis reprezentataj sur la programo de la koncerto de la 6a kaj 7a de Aŭgusto 1928 oni povas konsideri kiel bonegajn reprezentantojn de ambaŭ grupoj. Kolorplena liriko je unu flanko, intima harmonio je la alia, por ambaŭ iom da folklorismo, estas tiom da pruvoj pri interne sana, vivoplena realismo, je ĉiu vidpunkto egalvalora por ambaŭ rasoj.

Por la Flandra parto de la lando estis la potenca figuro de Peter Benoit, kiu estis influa je tia grado, ke la apud li starantaj Jan Blockx, Edw. Keurvels, Em. Wambach, k.a., konscie aŭ ne nur parte sin povis liberigi de tiu superanta personeco. Ankoraŭ nun lia influo klare sentigas sin en la verkoj de Karel Candael, Edw. Verheyden, Jef Van Hoof, k. c.

La manko de figuro kiel tiu de Peter Benoit en la Valona muziko estas verŝajne la kaŭzo, kial la Valonaj muzikverkistoj aspektas pli memstare. César Franck kun sia muzika kompreno sin direktanta pli al eksterlando, malgraŭ sia valoro kiel verkisto, estas pri tio klara pruvo. Lia influo neniam, por la Valonaj verkistoj, egalis tiun de Peter Benoit por la Flandroj. Kiom Flandra estis Peter Benoit, tiom internacia estis César Franck. Ambaŭ mirinde donas la ĝustan proporcion: tiel same kiel la karaktero de la Flandra muziko estas nacia, tiel same la Valona estas internacia. Ni nur devas prezenti Jos. Jongen kun sia verkaro por pri tio doni klaran ideon.

Figuro memstara, karakteriza kaj tamen nia estas Paul Gilson. Ni ŝuldas al li la konon de la Rusa muzikliteraturo kaj ties allogajoj. Ni tute ne volas nei la influon kiun tiu kono havis sur la Belga t.e. Flandra kaj Valona-muzikproduktado. Male, ni devas momenton halti kaj rimarkigi kiel, pro la faro de Paul Gilson, pli larĝaj horizontoj estis malfermataj por la pli junaj kiuj, kun levita kapo, iris al l'estonteco. Eĉ se la influo estis fremda estus utile por la Belga muziko ne malŝati la elirejon, kiun ĝi havas, kaj ĝin plilarĝigi kaj pliŝatigi.

Oni diras, ke ni estas popolo de pentristoj. Certe, ni tiaj estas kaj neniu diskutos pri tio; sed ankaŭ iam estis tempo kiam ni estis popolo de muzikverkistoj — tiom kreantoj kiom ludantoj —. Kial ni tiam ne fidus en la estonteco; post la konstato, ke ĉio necesa — ĉu talento, ĉu kapableco, ĉu volo, ripozantaj sur sana realismo — troviĝas ankoraŭ en ni nur atendanta puŝon por komprenigi sian nacian kaj internacian valoron.

Hugo LENAERTS,

tradukis Lucette Faes-Janssens.

## 21a UNIVERSALA KONGRESO DE ESPERANTO

**5a Somera Universitato.**

**BUDAPEST, 2-9 AŬGUSTO 1929.**

### Informa Bulteno N-ro 1.

La Loka Kongresa Komitato formiĝis kaj kore salutas la tutmondan esperantistaron. Mondkongreso de Esperanto en Mezeŭropo, inter plej diverslingvaj malgrandaj popoloj devas esti sukcesa kaj signifoplena por pruvi la ekzistrajton kaj utilecon de Esperanto kaj krei novan fortan bazon de nia movado.

**Konsisto de la L.K.K.**

S-ro D-ro Samu Patai, Reĝa Registara Ĉefkonsilanto, Hon. Prezidanto.

S-ro Jozsef Mihalik, prof. en Instruistina seminario, Prezidanto.

S-ro D-ro Leono Lóránd, kuracisto, Vicprezidanto.

S-ro Istvan Molnár, Ministeria kalkul-ĉefkonsilanto, Vicprezidanto.

S-ro Paŭlo Balkanyi, bankoficisto, Sekretario.

S-ro Paŭlo Tolnai, komercisto, Sekretario, S-ino J. Bencze, Protokolistino.

S-ro Elek Tolnai, komercisto, Kasisto.

S-ro Julio Baghy, aktoro-verkisto, S-ro Lajos Köhény, parlamenta konceptisto.

D-ro Gyula Lukás, reĝa financa konceptisto, D-ro József Szilágyi, bankoficisto.

D-ro József Takács, kuracisto, István de Zöldi, poŝtinspektoro ; Referentoj.

**Adreso por leteroj kaj telegramoj:** Esperanto-kongreso, Budapest.

**Aliĝiloj.** — Disdonotaj pere de la Esp. gazetaro, Naciaj Societoj kaj Delegitoj de UEA. La L.K.K. sendos al ĉiuj, kiuj petos ĝin.

**Kotizo.** — Por ĉiu kongresano senescepte, laŭ decido de ICK: 28 pengó., 35 ŝil. aŭstr., 167 kč., 35 belgoj (175 frk. belg.) , 125 franc. frk., 20 brit. ŝil., 21 germ. mk., 25 frk. svis., 12.50 guld. nederl., 5 uson. dol., k.t.p.

**Pagoj.** — Per internacia poŝtmandato, per bankĉeko, per monbiletoj en registrita letero al la sekretario S-ro Paŭlo Tolnai aŭ al la Kongresa Banko: « Pesti Magyar Kereskedelmi Bank, Budapest V., Tisza István u. 2. » kiu havas rilatojn en ĉiuj landoj. Indiku okaze de pago de banko al banko: **Por konto Esperanto-Kongreso.** La banko korespondas en Esperanto.

**Informpetoj al LKK.** — La petantoj de informoj bonvolu aldoni necesan afrankon por la respondo, per respondkupono aŭ UEA respondkupono.

**Donacoj.** — LKK volonte ricevos donacojn por helpi al la sukceso de la kongreso.

**Blindula Kaso.** — La LKK akceptas mondonacojn por subteni partoprenon al la kongreso de blindaj samideanoj.

**Koncerto.** — La L.K.K. danke ricevos kaj zorge konsideros ĉiujn proponojn pri deklamo, kanto aŭ ludo ĉe internacia koncerto. Proponojn oni sendu kun rimarko: « Koncerto ».

**Rabatoj.** — La L.K.K. jam interrilatis kun la diversaj institucioj por ricevi rabatojn ĉe vizo kaj ĉe fervojo, ankaŭ sur ŝipoj de la Danubo. La klopodoj esperigas bonan sukceson.

**Fakaj kunsidoj.** — Oni povas enregistri en la programon nur nepolitikajn fakkunvenojn. Proponojn oni sendu kun rimarko « Fakoj ».

**Oficiala Organo.** — Hungara Heroldo, Pongrás ut. 17. 71, Budapest X aperas dekfoje dum la jaro. La kongresanoj ricevos ĝin depost Januaro 1929. Prikongresaj informoj aperos en **Esperanto** kaj Heroldo de Esperanto, laŭeble en aliaj esp. gazetoj, kiuj petos ilin rekte de LKK.

**Glumarko, insigno.** La LKK aranĝas konkurson por glumarko kaj metala insigno, kiuj enhavu en desegno kun karaktero hungara aŭ Budapesta, la stelon kaj la titolon kaj daton de la kongreso. Premioj : P 80, 50 kaj 30.— kune por la du konkursoj. Templimo 15.4.29. Oni adresu la konkursojn al S-ro Paŭlo Tolnai, sekretario de LKK, Budapest VII, Bethlen tér 2. La akceptitaj projektoj restas propraĵoj de LKK.

### BELGA KARAVANO AL BUDAPEST.

Belga karavano al Budapesta kongreso estos organizata. Ĝia elirpunkto estos Bruselo, kie ĝi kuniĝos kun la brita karavano. La ĝisnunaj aranĝoj estas la sekvantaj:

Forveturo el Bruselo (Norda Stacidomo) merkredon, la 31an de Julio je la 18 h. 36. Vojaĝado tra Kolonjo, Nürnbergo, Vieno.

Alveno en Budapesto, vendredon la 2an de Aŭgusto je la 6 h. 20.

La partoprenontoj devos kune vojaĝi dum la iro, sed ili povas reveni individue; kupono valora ĝis 30 tagoj. Interrompo de la vojaĝo estas permesata dum la reveno.

Kelkaj belgaj samideanoj jam skribis al ni pri la voĵaĝo al la 21a kongreso. La akiro de favorprezoj dependas nur de la nombro de partoprenantoj. Estus dezirinde, ke la geamikoj kiuj intencas kuniri, sin anoncu eble plej baldaŭ al Fr. Schoofs, 11 Kl. Hondstraat, Antverpeno.

---

## PITORESKAJ VIDINDAĴOJ EN BUDAPEST

La pli imponanta parto de la urbo Budapest estas la « Fortikaĵo », plena de historiaj monumentoj kaj arhitektonaj specialaĵoj. Ĝi prezentas mirindan perspektivon unuparte al la belega montaro de Buda, aliparte al la modernaj vivoplenaj stratoj en la urboparto trans la Danubo.

La ĉefa allogaĵo de la distrikto « Fortikaĵo» estas la reĝa palaco, situanta meze de rava parko, kiu etendas sin je 89,000 kvadratmetroj ne kalkulante la konstruaĵojn.

En tiu parko estas arbo, enhavanta la povon de eterna amo. Tiu

arbo altiris jam en antikvaj tempoj aron da fremuloj, kiuj deziregis ĝiajn foliojn por fari el ili sorĉan trinkaĵon. La sopirojn al la mirakla arbo kreskigis ankoraŭ la fakto, ke la reĝa parko plej ofte estis fermita kaj ne alirebla por la publiko.

Ne malaperis eĉ hodiaŭ la naiva superstiĉo pri la mirakla povo de tiu arbo. Troviĝis eĉ profesoro, kiu klaragis la legendon tiamaniere, ke dum la turka militepoko la vezir-oj kaj paŝa-oj plantis en Buda arbojn kaj herbaĵojn, portitajn el siaj orientaj landoj. Estis tiuj turkaj estroj, kiuj plantigis ankaŭ kuracigajn herbojn tiel, ke ankoraŭ en la nuntempo estas Buda la ĉefloko de kuracigaj herboj.



BUDAPEST. — Elisabet-ponto.

Eĉ hodiaŭ ekzistas sentemaj amantoj, kiuj por certigi sin pri la amo de siaj amatinoj, sekrete verŝas kelkajn gutojn de ekstrakto el la folioj de l'nomita arbo en la trinkaĵon de la karulino.

La reĝa palaco mem ekzistas en ĝia nuna formo jam de pli ol duonjarcento. Ĝia kupolo tronas en alteco de 62 metroj, super konstruaĵo de sep etaĝoj. La palaco enhavas 300 ĉambregojn kaj 600 diversajn

ejojn. Ĝia ĉefparto estis konstruita en 1749-1777 dum regado de la reĝino Maria-Teresia. Tamen ekzistis jam palaco sur la sama loko dum tempo de l'reĝo Karlo-Roberto en 1310-1342. La tiaman reĝan palacon aliformigis la granda reĝo Matiaso-Korvino per famaj italaj artistoj. La palaco tiam enhavis la fameġan Korvin-bibliotekon kun belege ilustritaj kodeksoj.

En la okcidenta parto de la nuna palaco troviĝas muzeo, dediĉata al la memoro de nia malfeliĉa reĝino Elizabeto, kiun la 10-an de Septembro 1898 en Ĝenevo trafis anarhista mortpiko.

En alia ĉambrego severe gardita, oni konservas la reĝajn emblemojn; inter ili la «Sankta krono» de Hungarujo. Tiun kronon donacis la papo Sylvestro al la unua hungara reĝo, Sankta Ŝtefano, por rekompenci lin por la kristanigo de la ĝis tiam idolana nacio. La reĝa krono devis suferi multajn aventurojn dum la evoluado de la historio hungara.



BUDAPEST. — Hungaraj naciaj vestoj.

En la Ŝtefan-kapelo de l'reĝa palaco estas konservita en artoriĉe ornamita glaskesteto la «sankta dekstro» mano de l'reĝo Ŝtefano. Ĉiujare oni la 20-an de Augusto portas la « sanktan dekstron » meze de solena religia procesio en la preĝejon de la kronado kaj poste reen al ĝia kutima loko.

En la Ŝtefan-kapelo estas ankoraŭ famaj belegaj altarbildoj. Oni nuntempe regule povas viziti la luksegajn salonojn de la reĝa palaco.

Proksime al la reĝa palaco estas la fortikaĵ-teatro, en kiu iam Beethoven subite konkeris la korojn de la budapeŝtanoj. Pri tiu fakto raportas la iama ĵurnalo « Magyar Kurir» en ĝia ekzemplero de la 13-a Majo 1880 :

« Dum koncerto aranĝita je la 7-a de majo, altiris atenton de la ĉeestantoj fama muzikisto nomita Beethoven, per sia majstra arto sur la fortepiano ».

Beethoven-on ligis al Budapest ankoraŭ aliaj memoraĵoj : lia eterna amo al la grafino Teresa Brunswik, plie la inspiroj por siaj verkoj « Sankta Ŝtefano » kaj « Ruinoj de Aten » — tiun lastan kompozicion li kreis je okazo de malfermo de la suprenomita teatro.

La najbara « Paradplaco » estis scenejo de hontindaj okazintaĵoj en la hungara historio. La ribelanto Khuen-Hédervâry kaj 300 el siaj noblaj kamaradoj estis senkapigitaj sur tiu placo en 1395, laŭ ordono de l'reĝo Sigismondo. Okazis ankaŭ en postaj jaroj, ke martiroj de l'hungara konscio estis devigataj oferi sian vivon sur la sama loko.

En la najbaraj stratoj troviĝas multaj belaj domoj antikvaj, kaj inter ili kelkaj palacetoj de la stratoj « Országhâz » (parlamenta) kaj « Uri » sinjora) kiuj plene konservis la karakteron de la mezepoka konstruarto.

La palaceto Hadik en la Fortikaĵo memorigas pri gaja okazintaĵo. Ĝia iama posedanto, la artileria generalo Andreaso Hadik, kiu je la festotago de la reĝino Maria-Theresia atakis kaj okupis la urbon Berlino kun siaj 3000 kuraĝegaj husaroj, publikigis tie jenan decidon: « Mi indulgos tiun urbon. Mi forportos nenion krom ses prusaj standardoj kaj du dekduoj da virinaj gantoj por mia reĝino ».

La gantoj estis laŭdire belegaj, ornamitaj per la blazono de la urbo Berlino. Tamen la donaco iĝis senutila, ĉar la ruzaj berlinanoj plenigis la ornamitan skatolon per gantoj — nur por la maldekstra mano.

Iu flaviĝinta letero tamen kontraŭdiras tiun aserton, pretendante, ke tiutempe estis tute maleble al la berlinanoj, riski tiaspecan ŝercon.

Ankaŭ al la palaceto Grassalkovich aliĝas stranga legendo. La posedanto, grafo Antonio Grassalkovich laŭdire superŝutigis iam la ŝoseon, kiu kondukis el la reĝa palaco en Gödöllö — reĝa somerrestadejo — ĝis sia palaceto en la Fortikaĵo, per muelita, blanka salo, por havigi la iluzion al la reĝino — faranta tiun vojon en sia riĉe ornamita glitveturilo — ke ŝi glitveturas sur neĝo.

La grafo ja estis fama kavaliro, sed ni tamen kredas, ke la somera glitveturado sur artefarita neĝo estas same fabelo, kiel la intimaj rilatoj, kiujn oni atribuas al la reĝino kaj grafo ; ĉar estas konata de iuj, ke la grafo en tiu tempo jam estis viro — maljunega !

**Kornél Tábori.**

---

## INTERNACIAJ LIBERTEMPOJ.

Post la tre sukcesplena karavano kiun ĝi aranĝis al la Kongreso Antverpena, la Brita Esperantista Asocia nun aranĝas karavanon al la Kongreso en Budapest. Tamen, pro la longa distanco kaj alta kosto, multaj personoj kiuj ŝatus partopreni internacian feston ne povos iri tien.

La B. E. A. tial decidis aranĝi du malmultekostajn internaciajn libertempojn, kiuj donos al la partoprenantoj bonegan okazon por praktike uzi la lingvon Esperanto. Ĝi rezervis en du lokoj grandajn hotelojn, kun taŭgaj kunvenejoj, por po cent personoj. El ĉiu cent, nur kvardek estos Britaj, la aliaj estos alilandanoj.

La unua internacia semajno okazos en Oostduinkerke sur Mer, Belgujo, de la 13a ĝis la 20a de Julio 1929. Oostduinkerke estas bela marborda banloko, kaj oni aranĝos vizitojn de tie al Ypres kaj Bruges.

La dua okazos en Rouen, Francujo, de la 27a de Julio ĝis la 3a de Aŭgusto, 1929. Oni aranĝos tuttagan ekskurson sur la maro, vizitojn al interesaj fabrikejoj, kaj se la partoprenantoj tion deziras, al Parizo. Ĉe ambaŭ lokoj okazos koncertoj, komuna kantado, balo, kunvenoj, diskutoj, k.t.p. kaj ili ebligos la komunan vivadon de Esperantistoj el diversaj landoj. La Brita Esperantista Asocio, 142, High Holborn, London, W.C.1. plezure sendos detalojn al kiu ajn alilandano kontraŭ internacia respondkupono. Pro la malgranda nombro, kiu povos partopreni, frua aliĝo estos necesa.

---

# BIBLIOGRAFIO

**ESPERANTO DURCH SPRECHEN** de Prof. Dr. Göhl. Ergänzung zum 1. Teil: Tiefere Einführung in Sprachlehre und Wortbildung. 48 paĝoj 12,5 x 18,5 cm. Neuartiges, vollständiges Lehrbuch für den alltäglichen Verkehr. Eldonis 1928 Friedrich Ellersiek, G.m.b.H., Berlin. Esperanto-Verlag. Prezo: Rmk. 1,—.

**HECTOR HODLER - LIA VIVO KAJ LIA VERKO.** Antaŭparolo de Edm. Privat. Biografio detala de Ed. Stettler. Elekto el artikoloj de H. Hodler aperintaj en gazeto « Esperanto ». 168 paĝoj 12 x 17 cm. Eldonis okaze de sia 20-jara jubileo Universala Esperanto-Asocio (Eldona Servo), Genève. 1928. Prezo ne montrita.

**DEKNAUA UNIVERSALA KONGRESO DE ESPERANTO** (Danzig, 28 Julio - 4 Aŭgusto 1927). Esperantista Dokumentaro oficiala. Eldonita de Internacia Centra Komitato de la Esperanto-Movado, Genève. 112 paĝoj 16,5 x 25,5 cm. Enhavas: Protokolon, financan raporton kaj statistikojn; Raportojn de la oficialaj institucioj al la 19a Universala Kongreso; Raporton de la Organiza Komitato de Zamenhofa Monumento.

**ADRESARO 1928** de Esperantistoj el ĉiuj landoj rilate nacieco, politiko kaj religio plene neŭtrala. Eldonita de Bohema Esperanto-Servo, Moravany v. Ĉ. 72 paĝoj 11,5 x 14 cm. Prezo sv. fr. 0,50.

LA LABORĈARTO publikigita de la Itala Registaro. 16 paĝoj 11,5 x 16,5 cm. Eldonis 1928. Esperantista Eldonejo de A. Paolet, S. Vito al Tagliamento. Prezo: it. Liro 1,—.

KIE ESTAS LA MORTINTOJ ? La Respondo de la Biblio. De J. F. Rutherford. 64 paĝoj 12 x 18 cm. Eldonis Internacia Asocio de Biblio-Studantoj Garda Turo, Biblio- & Traktat-Societo, Brooklyn, N. Y., Usono. Esperanta Fako : Baden, Svisujo. Prezo: sv. fr. 0,50.

PRI LA ORIGINO DE L'HOMO. La Prezidanta parolado farita ĉe kunveno de la Brita Asocio por la Antaŭenigo de Scienco, en Leeds, 31 Aŭg. 1927; kaj lastatempaj traktatoj pri Darwinaj Temoj, de Prof. Sir Arthur Keith; tradukis Prof. Wm. Brown kaj F. R. A. McCormick. 64 paĝoj 12,5 x 16,5 cm. Eldonis 1928: The Esperanto Publishing Company, Ltd., 142 High Holborn, WC.1, London. Prezo: Broŝurita 1 ŝ. 9 p.; bindita 2 ŝ. 6 p.

LUNO DE IZRAEL. Rakonto pri la Eliro. Verkis Sir H. R. Haggard. Tradukis laŭ permeso de la aŭtoro: Edward S. Payson kaj Montagu C. Butler. 220 paĝoj 12,5 x 18,5 cm. Eldonis 1928: The Esperanto Publishing Company, Ltd., 142 High Holborn, London W.C. 1., Prezo: broŝurita 3 ŝ. 6 p.; bindita 5 ŝ.

LA LABORISTA ESPERANTISMO de E. Lanty. 40 paĝoj 12,5 x 18,5 cm. Eldonita de Sennacieca Asocio Tutmonda, Administrejo : Colmstr. 1, Leipzig O-27 (Germanujo). Prezo: Rmk. 0,40.

FOR LA NEŬTRALISMON! de E. Lanty. 3a eldono. 32 paĝoj 12,5 x 18,5 cm. Eldonita de Sennacieca Asocio Tutmonda, Administrejo : vidu ĉi-supre. Prezo: Rmk. 0,30.

KION RAKONTAS LA AMIKOJ DE PEĈJO. Fabeloj de Hermynia zur Mühlen. Esperantigis el germana lingvo Senheredigito. 56 paĝoj 11,5 x 15 cm. Eldonita de Sennacieca Asocio Tutmonda. Eldona Fako Kooperativa, Leipzig. Prezo: Rmk. 0,60.

LIBERA VOĈO. Areto da laboristaj kaj migrulkantoj. Dua revizita eldono. 32 paĝoj 11,5 x 15 cm. Eldonis 1928: Aŭstria Laborista Ligo Esperantista, Vieno XXI., Angererstr. 14. Prezo ne montrita.

AMO KAJ POEZIO. Pli ol 70 poemoj de Jan Van Schoor, kunlaboranto de Belga Esperantisto kaj de multaj aliaj Esperantaj revuoj. 6 paĝoj 14 x 20 cm. Eldonis la aŭtoro mem: Julius De Geyterstraat 149/1, Antverpeno. Prezo belg. fr. 10,—.

NI KANTU! Kolekto de 108 hungaraj popol- kaj laboristaj kantoj. 64 paĝoj 11,5 x 15 cm. Eldonis 1928: Librovendejo de Hungara Esperantista Societo Laborista, Budapest. Prezo ne montrita.

LA PATRO REVENAS de Kan Kikuĉi. El la japana tradukis Hirokazu Kaĵi. Biblioteko de Literaturo Japana No 1.- 32 paĝoj 12 x 16 cm. Eldonis 1927 Esperanto-Kenkjŭ-Ŝa, 21Ĉome, Motozomo-ĉo, Koĵimaĉi, Tokio. Prezo: Jen: 0,35.

# Belga Esperantisto-Instituto

(KOOPERA SOCIETO)

## ANTVERPENO

**Jen nomo,** kiun ĉiu kongresano aŭdis multfoje, dum la pasinta jaro. Belga Esperanto-Instituto estas la organizinto de la venda fako dum la kongreso ; ĝi estas la eldoninto de la belaj poŝtkartoj ilustritaj kun Esperanto-teksto, pri belgaj urboj, kaj precipe ĝi estas la presisto-eldonisto de la belega « Belga Antologio », kiun ĉiuj kongresanoj donace ricevis.

Belga Esperanto-Instituto estas plie konata, kiel entuta Esperanta firmo, starigita dank' al nur Esperantista mono kaj kiu disponas pri granda presejo, faras jam gravajn eldonajn laborojn kaj fabrikas malmultekoste gravuraĵojn, kliŝojn kaj insignojn ĉiuspecajn.

**Kaj tamen,** antaŭ tri jaroj tiu nun jam grava Esper.-organizaĵo ne ekzistis.

Ĝi en 1926 naskiĝis en Antverpeno, kun kapitalo de 12.500 frankoj, kun pagita parto de 2.500 frankoj.

**Nun ĝi posedas kapitalon de**

100.000 frankoj, kun pagita parto de 62.000 frankoj.

**Tio estis ebla**

dank' al la kunhelpo de multaj belgaj kaj diversaj alilandaj samideanoj, kiuj enskribis akciojn, kiuj ĝuis dum la du unuaj jaroj, rentmonon de

**7½ % nete!**

**Tiuj, kiuj deziras,**

povas enskribi unu aŭ plurajn akciojn de 100 Frankoj (20 Belgoj), de kiuj nur 20 % (4 Belgoj) estas tuj pagotaj, dum ĉiujare la administrantaro povas alvoki maksimume 10 pluajn procentojn de la enskribita kapitalo.

Se oni konsideras la grandajn servojn, kiujn la B.E.I. jam faris al la fremdlanda Esperantistaro presante kaj laborante por ĝi malmultekoste, ĉiu havas la devon ĝin subteni.